# Etnismo

N-RO 78 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.05.2006



*Ankaŭ tiu pioniro de la itala agnoskis la lingvan diversecon de la duonisulo.*

## *En tiu ĉi numero:*

*Nicole Margot*

# ĜENEVO, ĈU ĈEFURBO DE LA AŬTOKTONAJ POPOLOJ?

*Jam de pluraj dekoj da jaroj Ĝenevo kunvenigas reprezentantojn de aŭtoktonaj popoloj. Ili venas al la Palaco de la Nacioj, kie sidas la UNO-instancoj por prilabori projekton de Universala Deklaracio pri Rajtoj de la Aŭtoktonaj Popoloj (p.7). Tio kreas kontaktojn kun la lokaj loĝantoj. DOCIP, Informa Centro pri Aŭtoktonaj Popoloj, (vidu sube) ludas gravan rolon organizante prelegojn, festojn, kiel en julio 2005, animitajn far la indiĝenaj popoloj de Siberio ĝis Amazonio, ktp.*

doCip **Dokumenta Centro de Serĉado kaj Informado pri Aŭtoktonaj Popoloj** estas svisa NeRegistara Organizaĵo (NRO) funkcianta kiel ligo inter la Aŭtoktonaj Popoloj kaj UNO. Ĝi estas neprofitcela organizaĵo kreita laŭ la peto de la aŭtoktonaj reprezentantoj en 1978. Ĝi proponas siajn servojn por apogi kaj faciligi la laborojn de la aŭtoktonaj reprezentantoj en la UNO-sistemo. La organizaĵo respektas la principon de memdecido de la Aŭtoktonaj Popoloj. Tio signifas, ke ĝi intervenas nur laŭ la peto de la aŭtoktonaj reprezentantoj mem kaj ilin provizas per helpo nur teknika. Ĝin konsistigas ekzekutiva komitato kaj teamo de kunlaborantoj, plej ofte bonvolaj, el diversaj kulturaj devenoj, kaj plurlingvaj. La laborlingvoj estas la hispana, la angla, la franca, la portugala, kaj, laŭeble, la rusa. DOCIP estas financata de Eŭropa Unio (Eŭropa Iniciato por Demokracio kaj Homaj Rajtoj), de la Direkcio pri Evoluo kaj pri Svisa Kunagado, de la Ĝeneva ŝtato, de la Ĝeneva urbo, de la Novzelanda estraro kaj de la asocio Rajtoj kaj Demokracio.

## LASTAJ INDIANOJ AŬ UNUAJ NACIOJ?

***Fine de novembro 2005 oni povis legi en Ĝeneva gazeto: «Lastaj indianoj aŭ unuaj nacioj? Kio komunas inter indianoj de centra Brazilo kaj tiuj de Kebekio/Labradoro?» Aŭ: «kiam la aŭtoktonoj "forgesas" la okcidentanojn». Temis pri vespera debato en la etnologia muzeo kun la ĉeesto de la sekvaj ĉefoj: Raoni (vidu kadritan vidalvidan tekston) el la kajapoa popolo de Amazonio kaj Jean-Charles Piétacho, el la inua popolo de Kebekio (vidu p. 4).***

---

La vespero estis organizita de DOCIP kunlabore kun la etnologia muzeo kaj la asocio *Wayanga* (vidu p. 15). *Pierrette Birraux*, scienca direktoro de tiu organizaĵo, enkondukis kaj gvidis la tutan vesperan aranĝon. La intereso montriĝis grandega kaj pluraj ĉeestantoj devis stari pro manko de sidlokoj. La moderantino, *P. Birreaux* tuj senkulpigis la plej gravajn partoprenantojn, la du indianajn ĉefojn anoncitajn. *Raoni* ne venis ĉar li devis resti por protekti sian teron en danĝero. *J.-Ch. Piétacho* reprezentis la inuan popolon en la konferenco de Montrealo (pri klimato). "Tiuj homoj havas ŝarĝitajn agendojn ĉar ne multas la delegitoj de la aŭtoktonaj popoloj. La lukto estas kolektiva afero, ne individua, kaj la delegitoj, regule elektitaj de siaj popoloj, vere sentas sin mesaĝistoj de la popolo".

*P. Birraux* rimarkis, ke, same kiel ĉiuj delegacioj, kiuj venas al Ĝenevo, tiuj esprimos kion iliaj gefratoj el Havajo nomas *Aloha aïna*, la amo al la tero, universala diskurso ĉe la prapopoloj.

Sed aliaj indianaj delegitoj ĉeestis kaj laŭvice esprimiĝis: kvin el Amazonio, el la brazila ŝtato *Mato Grosso* kaj unu, *Armand McKenzie*, reprezentis la inuan popolon el Kebekio/Labradoro.

### "KAJAPOOJ EN INUAJN TEROJN"

*A. McKenzie* unue prezentis la filmon : "Kajapooj en inuajn terojn", kiu rakontas vojaĝon de amazoniaj indianoj, la kajapooj, al Kanado ĉe la inua popolo. Li rakontis kiom la vizito de sudaj fratoj akompanataj de la ĉefo *Raoni* alportis al la inuoj.



**Je prelega tablo:**
**meze *A. McKenzie*, dekstre *Megaron Txkarramãe***

Unue oni povus pensi ke male la inuoj, vivantaj en lando pli riĉa, pli demokrata, estus la donacantoj al pli malriĉaj fratoj, sed la amazonianoj alportis norden sian pli viglan ligon al la tero kaj al la tradicio. La brazilanoj montris apartan intereson por la natura medicino praktikata de iliaj nordaj fratoj. Ĉiuj, inuoj kaj kajapooj, dancis kune, kaj antaŭ ol disiĝi decidis pri reciproka helpo fronte problemojn ofte similajn por la du komunumoj, kiel malaltaj flugoj de aviadiloj, konstruoj de akvaj baraĵoj, kaj pri kuna batalo por malenklavigo de teritorioj, por konstruoj de stratoj faciligantajn interteritorian komunikadon.

### LA DELEGITOJ SIN PREZENTIS KAJ ESPRIMIĜIS

Post la filmo ĉiuj delegitoj prezentis sin kaj esprimis propran deklaracion. Antaŭ ilia ekparolo la debat-gvidantino forte insistis, por ke ĉiu estu konciza kaj ne ripetiĝu, same kiel en la UNO-kunvenoj! Tio verŝajne jam plurfoje montriĝis malfacila. Ĉiu el la delegitoj esprimis grandan respekton al sia inspiranto, la ĉefo *Raoni* : “Nun li ekaĝas, ni devos lin anstataŭi”, diris unu. “Mi estis junulo, kiam *Raoni* kreis la fondaĵon *Rainforest* por protekti la arbarojn, sed nun mi estas tie ne por reprezenti asocion, sed la indianojn”, ankaŭ diris li. Unuanime ili ĉiuj postulis la rajton paroli je siaj nomoj kaj rifuzis, ke NeRegistaraj Organizaĵoj (NRO-j) parolu anstataŭ ili. Unu el tiuj delegitoj, *Daniel Cabixi* de la popolo *Pareci*, devige edukita fare de ĵezuitoj, kun malpermeso paroli sian lingvon, revenis al siaj sametnanoj kaj nun uzas sian konon de la “okcidenta” kulturo por helpi siajn fratojn. En tiu konferenco li esprimiĝis pli bone ol la aliaj. Li postulis ekzemple, ke la lernejoj por indianoj havu indiĝenajn profesorojn, ke oni starigu strategion por revivigi la detruitajn kulturojn. Iu alia, *Aritana Yawalapiti,* kun belaj verdaj plumoj surkape, ege mallonge parolis “por ne lacigi vin”. Liaj kunuloj poste klarigis, ke li ne kutimas paroli en eŭropaj kunvenoj, tial li rapide metis finon al sia elparolo pretekstante timon lacigi nin. Alia parolis pri la plureco de la kulturoj en Brazilo, vera mozaiko, ne respektita de la unuaj politikaj estraroj. “Kiam Brazilo fariĝis respubliko la estraro eĉ ne kredis je la pluvivado de la indiana kulturo. Nur en 1988 la brazila konstitucio rekonis la indianajn rajtojn kaj ties specifon. Sed mankas strukturoj por konkretigi tiun rekonon”.

### ĈU PROTEKTI INDIANOJN KONTRAŬ SUBEVOLUO?

La debato komenciĝis per interveno de misiisto emfazanta la neceson protekti tiujn sociojn por eviti ekonomian subevoluon, laŭ la kanada modelo. *A. McKenzie* respondis, ke tiuj “ protektoj ” far la politikaj instancoj transformis la indianojn. “Ni nun provas reanalizi nian manieron evolui. Tion ni nun diskutas en UNO: ke oni respektu niajn teritoriojn, ke oni sendu indiĝenajn profesorojn, ke ni kreu proprajn instituciojn. Kun la helpo de la gazetaro, de la verkistoj, ni lernas premadi la politikajn povojn”. *Jil Silberstein* (vidu p. 6), verkisto, kiu vivis sur la inua teritorio kaj verkis libron pri siaj inuaj amikoj, kritikis Kanadon, “kiu donas virteman bildon de si, sed ne respektas siajn indianajn loĝantojn: En Kanado la rajtoj pri teritorioj estis nuligitaj en 1979, kontraŭ la volo de la popoloj. La leĝo koncerne indianojn estas bazita sur la principo de raso”. *A. McKenzie* aldonis : “ Ne ekzistas rajto je posedo sur la indianaj teritorioj, testamento povas esti nuligita. Neeblas krei kapitalon, peti hipotekon. Edukado okazas sub kontrolo”.



***Raoni Mẽtyktire*** **kaj** ***Jean-Charles Piétacho***

### *RAONI MẼTYKTIRE*

Lia vera nomo estas *Ropni*. Li estas la ĉefo de la indianoj *Mẽtyktire,* subgrupo de la kajapoa popolo. Li estas la plej influa kaj la plej respektata indiana gvidanto fare de la indiĝenoj, sed ankaŭ de la brazila estraro. Li kuraĝigas ĉiujn aŭtoktonajn popolojn fieri pri sia kulturo, kampanjas kontraŭ alkoholo inter sametnanoj. Li vojaĝis en pli ol 17 landoj por atentigi la mondon pri la minacata amazonia arbaro kaj pri la popoloj, kiuj vivas en ĝi. Li renkontis inter alie la papon Johano Paŭlo II, *François Mitterand*, *Jacques Chirac*. Dank’al lia agado, en 1993 pli ol 4.402.979,79 hektaroj da arbaro estis leĝe rekonitaj kiel indiĝena tero, kaj protektitaj. Lia agado instigis tutmondan mobilizadon, kiu naskis la fondaĵon *Rainforest* en Britio, kun oficejoj en Usono, Norvegio, Japanio… Tiu fondaĵo sekve fariĝis la plej grava defendanto de la aŭtoktonaj popolaj rajtoj kaj de la naturmedio.

## DELEGACIO EL AMAZONIO

La delegitoj de Brazilo venas el la ŝtato *Mato Grosso: Daniel Cabixi* el la popolo *Pareci,* subgrupo de la aruakoj, kaj la du fratoj *Aritana* kaj *Pirakuman* el la popolo *Yawalapiti,* ankaŭ subgrupo de la aruakoj. *Megaron Txukarramãe*, nevo de la ĉefo *Raoni,* el la popolo *Mẽtyktire*, subgrupo de la kajapooj.




### VOJAGI AL EUROPO KAJ GASTI EN GENEVO KOSTAS MULTE

*Julien Burger*, reprezentanto de la Komisiono pri Homaj Rajtoj, invitis la brazilanojn veni ĉiujare. "Ili estis pioniroj en tiu verkado de deklaracio, sed ne plu venis delonge". Iu ĵurnalisto de *Neue Zürcher Zeitung* dankis la organizantojn kaj deklaris, ke malfacilas konvinki gazetajn redaktejojn sendi ĵurnalistojn por iri surloken kaj raporti pri la veraj problemoj. Iu menciis ideon, ŝajne jam pridiskutitan: krei en Ĝenevo centron por gastigi la delegaciojn. Ĝenevo fariĝas vera ĉefurbo de la aŭtoktonaj popoloj. Oni atendas financadon pri tio. La Svisa Konfederacio helpas por la realigo de tiu projekto, kiun oni ne povus nomi delegaciejo, ĉar tio kreus problemojn kun la koncernataj ŝtatoj. Veras, ke la gastigado de delegitoj en Ĝenevo tro multe kostas, tial je la fino de la kunveno oni alvokis bonvolemulojn por gastigi ilin en propra hejmo.




## INUA POPOLO

La inuoj estas la indiĝenaj loĝantoj de teritorio, kiun ili mem nomas *Nitassinan*, en Labradoro kaj Kebekio. Ili vivis plurajn jarmilojn tie, kiel ĉasistoj kaj kolektantoj; loĝante en felaj tendoj, ili ĉefe ĉasis karibuojn. Ili nun nombras 16.400 kaj parolas la lingvon *innu-aimun*. Oni dividas ilin inter *Montagnais* (montara popolo en la franca) kaj *Naskapis* (popolo de la interno en *innu-aimum*). La inuoj neniam oficiale cedis sian teritorion al Kanado kaj tial ili ne ĝuas la protektojn (impostreduktojn kaj aliajn avantaĝojn) atribuitajn al la aliaj indianoj. Ekde 1950 la kanada estraro kaj la katolika preĝejo provas ilin «civilizi» tiel, ke ili forlasu sian nomadan vivon. Tio kaŭzis terurajn sociajn perturbojn kaj *Survival International* denuncas, ke tia politko - disigi ilin de ilia antikva vivmaniero - malrespektas la internaciajn leĝojn; tiu asocio eĉ komparis la konduton de la kanada ŝtato kun tiu de Ĉinio rilate la tibetanojn. La inua popolo, indiana, ne devas esti konfuzita kun la inuitoj loĝantaj iom pli norde.

*El Vikipedio (franclingva versio)*



Je la prelega tablo ekde maldekstre: *Daniel Cabixi*, *Artania* kaj *Pirakuman Yawalapiti*

### ĈU EBLAS VIVI SEN LA PROGRESO DE MODERNA TEKNIKO?

Membro de WWF rimarkigis, “ke la indiĝenaj popoloj suferas pri ekonomia subevoluo kaj deziras plievolui, ne ĉiam respektante la naturon”. *A. McKenzie* konsentis, “ke en Kanado estas vilaĝoj en krizo ĉar la vilaĝanoj devas elekti: ĉu ekzemple akcepti la konstruon de baraĵoj? La junuloj, kiuj volas aliri la “modernan vivon”, pretus akcepti, sed tiuj konstruoj okazas en teritorioj, kie la ekologia sistemo fragilas”.

Iu demandis, ĉu la “izolitaj indiĝenoj” el Amazonio estas protektataj per tiu izoliteco. La respondo estis, ke tiu koncepto de “izolitaj indianoj” integriĝantaj, ne plu validas. Antropologino demandis ĉu indas tiom respekti la tradicion, malestimante ekzemple progresojn en medicino? Indiano kun fajre ruĝaj plumoj respondis, iom ironie: “Vi estas antropologo, vi konas nian kulturon. En mia komunumo ni volas vivi nur laŭ nia kulturo, kaj pro tio ni batalas, por ke ĉiuj indiĝenaj kulturoj pluvivu. Miaj fratoj, kiuj perdis sian identecon kaj kiuj kredis, ke la blankula kulturo estas pli bona, havis multajn problemojn. Ni havas niajn medikamentojn, en la arbaro ni trovas kreskaĵojn por nin kuraci”. La inua delegito daŭrigis: “Mia patrino naskiĝis en la arbaro, ŝiaj solaj transportiloj estis ŝiaj kruroj.

- Kion vi preferas, vivi kiel antaŭe aŭ kiel nun? mi demandis al ŝi.
- Nun kiam mi ellitiĝas mi nur bezonas turni kranon por lavi min, antaŭe mi devis rompi la glacion, sed ni estis liberaj…”

### KIEL PRALOĜANTO POVAS KOMUNIKI KUN LA MONDO?

Argentina mapuĉo, sidanta inter la aŭskultantoj, intervenis pri la antaŭe menciita problemo de la kunlaboro kun NRO-j : “Ni, same kiel vi, malkvietas pri nia natura ĉirkaŭaĵo. Ni povas kunlabori kun NRO-j, sed ili devas lerni nin aŭskulti. Ili ne aŭskultas kaj startigas projektojn, kiuj kondukas nenien! Niaj ĉefaj bezonoj estas: ke la internaciaj normoj estu respektataj. En Argentino oni ratifikis la konvencion 169 pri la leĝo de la laboro (de Internacia Labor-Organizo), (vidu ***Etnismon*** 75, p. 11) sed niaj problemoj daŭras. Mi volas lasi ĉi tiun mesaĝon al la ĉeestantoj: “Aŭskultu unue, kion diras la indiĝenoj pri la naturmedio. Oni multe parolas pri interkultureco, sed unue aŭskultu la aŭtoktonojn. Ili sufiĉe aŭskultis vin”.

Iu antropologino (verŝajne *Emilie Barrucand*, vidu sube) demandis : “Kion ni alportas al la aŭtoktonoj? Nenion. Mi vivis inter ili. Komuniki malfacilis. Ankaŭ mi diris: estu koncizaj, ne ripetu ĉiam la samon. Sed la aŭtoktonoj plu ripetadis. Antropologo estas fakulo, sed laŭ niaj eŭropaj kriterioj. UNO diras se vi ne scias fari projektojn vi ne sukcesos… kiel eliri tiun romantikismon? Mi ne havas respondon”.

*A. McKenzie*: “Kion mi ŝatas en la libro de *Jil Silber-*

## *EMILIE BARRUCAND*

26-jara etnologino, de sia infaneco pasiiĝinta de la indianoj el Ameriko, *Emilie Barrucand* ekde 6 jaroj laboras por diversaj aŭtoktonaj asocioj de brazila Amazonio. Ŝi restadis dum longaj periodoj en Brazilo ĉe la indianoj *Kayapo, Pareci, Irantxe, Bororo, Juruna*. Ŝi renkontis plurajn indiĝenajn gvidantojn, inter ili *Ropni Mẽtyktire (Raoni*), kun kiuj ŝi amikiĝis. Ili fidis en ŝi konfidante siajn problemojn, bezonojn kaj esperojn, petante ŝin subteni ilin. De tiuj interŝanĝoj naskiĝis ideo pri organizo de interetnaj renkontoj inter la indiĝenaj vilaĝoj de la ŝtato *Mato Grosso* por sin reciproke kunhelpi kaj por kune lukti kontraŭ la minacoj premantaj la indianojn. Tiu projekto nomiĝas “Interetna Solidareco”. Ĝi devus konkretiĝi pere de propono fare de la indianoj al la brazila estraro pri indiĝena politiko adaptita al indianaj problemoj. Estus la unua fojo en la brazila historio, kiam indianoj mem proponas ion al la parlamento. Laŭ la peto de ŝiaj indianaj amikoj *Emilie Barrucand* kreis la asocion *Wayanga*, kies prezidanto ŝi estas.

## LA ASOCIO *WAYANGA*

Ĝi estis kreita responde al la deziroj de la indiĝenaj popoloj respektigi siajn rajtojn, kulturojn kaj terojn. Ĝi subtenas la brazilajn indiĝenajn popolojn en iliaj luktoj. La ĉefa celo de *Wayanga* estas doni al la indiĝenaj popoloj rimedojn, por ke ili mem organizu sian defendan politikon kontraŭ la danĝeroj, kiuj minacas ilin. Ĝi ankaŭ celas averti la publikan opinion kaj krei influan subtenan reton. *Wayanga* trudas neniun projekton al la indianoj. Ĝi estas nur komisiito kaj instrumento je ilia servo.

*stein* estas la manko de komplezo pri la malfortoj, kiujn vi menciis. La antropologiaj teorioj ĉiam ŝajnas interpreti la lingvaĵon de la aŭtoktonoj. Tion ne faris *Jil Silberstein*. Mi miras, kiel oni povas, same kiel li faris, verki 500 paĝojn pri estulo, kiu sidas sur la luno…?"

### KELKAJ KOMENTOJ PRI TIU DEBATO.

Mi raportis la diversajn intervenojn, kiel mi ilin notis en la momento mem. Ili havas la malletercon kaj foje malklarecon de spontanaj parolaj intervenoj, sed ili respegulas la etoson de kunveno, kie homoj el prakulturo provas dialogi kun "blankuloj" el evoluinta teknologia kulturo, dum jarcentoj formitaj al iu kartezia racio. Malfacilas interkompreniĝi sed tiuj renkontoj kun ili estas por ni ege riĉigaj, valoras por ni preterpasi niajn penskutimojn por kompreni ilian praan saĝecon. Sed ankaŭ ili, por defendi sin de la "okcidentaj rabuloj", devas iom lerni nian manieron esprimiĝi kaj politike organiziĝi. *A. McKenzie*, reprezentanto de la inua popolo kaj samtempe advokato instalita en Ĝenevo, kaj *Daniel Cabixi,* kiu studis kun ĵezuitoj, estis por ni, aŭskultantoj, la plej kompreneblaj kaj finfine la plej bonaj advokatoj de la aŭtoktona afero. La deziro de tiuj "unuaj nacioj" vivi en la respekto de siaj tradicioj allogas nin kaj devas esti kuraĝigita per, ekzemple, tiu deklaracio por la aŭtoktonaj popoloj ellaborita de UNO. Sed se tiuj homoj ne volas resti pasivaj loĝantoj de protektitaj rezervejoj, sed agantoj en nia mondo pri sia estonteco, ĉu ili ne devos trovi ekvilibron inter la tradicio kaj la moderna mondo, kie ili vivas?

---

# EKDE 1920 LA PRAPOPOLOJ BATALAS POR ESTI REKONATAJ

## Universala Deklaracio pri la Rajtoj de la Aŭtoktonaj Popoloj

***Tiuj indianaj delegitoj venis al Ĝenevo unue por partopreni decidigan kunvenon de la Laborgrupo pritraktanta la redaktadon de Universala Deklaracio pri la Rajtoj de la Aŭtoktonaj Popoloj. Por pli bone kompreni kio estas tiu deklaracio, ni iom konsideru la faktojn, kiuj kondukis al ĝi.***

---

### DIFINO

La aŭtoktonaj aŭ aborigenaj popoloj estas tiel nomataj, ĉar ili vivis sur siaj teroj antaŭ la alveno de la koloniantoj. En Esperanto oni povas ankaŭ uzi la vorton -prapopoloj-, la kebekianoj uzas la esprimon -unuaj nacioj-. Tiuj popoloj vivas disigitaj en la tuta mondo, de Arkto al suda Pacifiko, kaj nombras proksimume 300 milionojn. Inter ili oni trovas la indianojn, la inuitojn (aŭ inukojn) kaj la aleŭtojn ĉirkaŭ la norda poluso, la sameojn norde de Eŭropo, la aŭstraliajn aborigenojn kaj la insulanojn de la markolo de *Torres* el Aŭstralio, la maoriojn el Nov-Zelando ktp. Oni observas frapajn similecojn inter la problemoj kaj la postuloj de ĉiuj indiĝenaj popoloj.

### SENSUKCESAJ UNUAJ MANIFESTACIOJ

En la dudekaj jaroj la amerikaj indianoj jam sin turnis al la Societo de Nacioj por agnoskigi siajn rajtojn. Ilia tiama restado en Ĝenevo vekis konsiderindan atenton, sed nenion konkretan ili tiam ricevis. En 1948 iniciativo de la bolivia estraro ĉe UNO intencis krei subkomisionon studontan la sociajn problemojn de la aŭtoktonaj popoloj, ĝi same malsukcesis. Tamen iom post iom, kadre de siaj laboroj pri homaj rajtoj, UNO integrigis diskutojn koncerne la aŭtoktonajn popolojn.

### KREO DE LA LABORGRUPO PRI LA AŬTOKTONAJ POPOLOJ

La jaro 1970 estis ĉarnira kaj tiam la Subkomisiono pri Lukto kontraŭ Diskriminacio kaj por la Protekto de la Minoritatoj rekomendis profundan studadon pri la diskriminacioj kontraŭ la aŭtoktonaj popoloj. En 1971 *José R. Martinez Cobo* (Ekvadoro) estis nomumita speciala raportanto por proponi naciajn kaj internaciajn rimedojn cele al forigo de tiuj diskriminacioj. Lia fina raporto estis prezentita al la Subkomisiono inter 1981 kaj 1984. Tiu raporto kondukis al nasko, en 1982, de la Laborgrupo pri Aŭtoktonaj Popoloj. Tiu laborgrupo estis organo laboranta sub la superrigardo de la Subkomisiono kaj ĝi kunvenis dum unu semajno, tuj antaŭ la jara sesio de la Subkomisiono en Ĝenevo. Ĝi kunvenis ĉiujare ekde 1982. La Laborgrupo estis malfermita al ĉiuj reprezentantoj de la aŭtoktonaj popoloj, al iliaj komunumoj kaj organizaĵoj. Tiu ebleco, donita al ĉiuj koncernatoj ĉeesti la sesion de la Grupo, kaj la konstruema dialogo kiu estiĝis, plifortigis la rolon de la Laborgrupo cele al internacia kunordigado favore al la aŭtoktonaj popoloj. Ĉirkaŭ 700 personoj regule ĉeestis la laborsesiojn de la Grupo, inter kiuj ankaŭ estis eksteraj observantoj, NeRegistaraj Organizaĵoj kaj universitataj fakuloj. Tiu Laborgrupo fariĝis unu el la plej gravaj organizaĵoj en la kampo de la homaj

rajtoj. La Laborgrupo ne nur faciligis kaj kuraĝigis la dialogon inter ŝtataj estraroj kaj aŭtoktonaj popoloj, sed ĝi ankaŭ respondecis pri la sekvaj taskoj:

- studi la novajn faktojn aperantajn je nacia nivelo pri la promocio kaj la protektado de la homaj rajtoj kaj de la fundamentaj liberecoj de la aŭtoktonaj popoloj;
- krei internaciajn normojn pri la rajtoj de la aŭtoktonaj popoloj, entenantajn samtempe la similecojn kaj la diferencojn inter la aspiroj de la diversaj aŭtoktonaj popoloj tra la mondo.

### DEKLARACIO PRI LA AŬTOKTONAJ POPOLOJ

La Laborgrupo aparte intensive laboris pri la dua parto de sia mandato, tio estas pri evoluigo de internaciaj normoj koncerne la aŭtoktonajn popolojn. En 1985 ĝi eklaboris pri projekto de deklaracio pri aŭtoktonaj popoloj surbaze de la observoj kaj sugestoj de la ĉeestantoj. Je ĝia dekunua sesio, en julio 1993, fina versio de la projekto estis prezentita al la Subkomisiono, kiu ĝin submetis, la 26-an de aŭgusto 1994, al la Komisiono pri Homaj Rajtoj por ekzameno.

### LABORGRUPO KREITA DE LA KOMISIONO PRI HOMAJ RAJTOJ

La 3-an de marto 1995 la Komisiono pri Homaj Rajtoj kreis Intersesian Laborgrupon, kies tasko estas ekzameni la tekston submetitan de la Subkomisiono kaj skizi projekton de delaracio adoptota de la Ĝenerala Asembleo dum la Internacia Jardeko de la aŭtoktonaj popoloj (1995-2004). La organizaĵoj dezirantaj partopreni la sesiojn de tiu Laborgrupo sendis siajn aliĝpetojn al la Alta Komisariato de UNO pri Homaj Rajtoj/Centro pri Homaj Rajtoj, kiu pri tiuj petoj konsultis la koncernatajn ŝtatojn. La aliĝpetoj kaj la observoj de la ŝtatoj estis ekzamenitaj fare de la Komitato de la Konsilantaro pri NeRegistaraj Organizaĵoj. En marto 1997, 99 organizaĵoj aŭtoktonaj estis ricevintaj de la Komitato la rajtigon partopreni la Laborgrupon. Dum la 61-a sesio de la Komisiono pri Homaj Rajtoj en majo 2005 la mandato de la Laborgrupo pri Projekto de Deklaracio estis plilongigita, kaj tiu plilongigo estis la kerno de la priokupoj de tiu sesio. Al la redaktado de la deklaracio aldoniĝas nun zorgoj koncerne la reformo de la Komisiono pri Homaj Rajtoj. Kiun lokon rezervos al la rajtoj de la aŭtoktonaj popoloj la reformotaj instancoj? (vidu sube)

## IOM PRI LA INDIĜENAJ POPOLOJ DE PRAZILIO

### EL KIE ILI VENAS?

La prauloj de la hodiaŭaj indianoj estis ĉasistoj kaj plukantoj venintaj el Azio antaŭ almenaŭ 11.000 jaroj tra la Beringa Markolo inter Alasko kaj Rusio. Multaj estis la migradoj, kio klarigas la nuntempan diversecon lingve kaj kulture de la indianoj. Kion oni nomis "malkovron de virgaj teroj en Ameriko" kaj kion oni ankoraŭ fiere celebras nuntempe, estis fakte konkero de teritoro jam kvazaŭ komplete okupata de la indianoj. Temis pri genocido kaj etnocido ĝis nun sen ekvivalento. Nur en Brazilo 93% de la indiĝenoj malaperis. Ili estis 6 milionoj en la jaro 1500 kiam alvenis la Portugaloj, ili estas nur ĉirkaŭ 380.000 hodiaŭ.

### PRI LA NOMO INDIANO:

Pensante, ke Ameriko kaj Hindio formis nur unu kontinenton, la eŭropaj konkerantoj erare donis al ili la kolektivan nomon -indianoj- al popoloj diversaj, ofte malamikaj. Konsciaj pri la sameco de la agreso kaj de la antaŭjuĝoj, por ĉiuj prapopoloj de Ameriko, fare de la eŭropanoj, tiuj popoloj sekve alpropriĝis al si la nomon -indiano- kontraŭstare al -blankulo-. Estis grava paŝo al komuna identeco.

### KIEL KAJ KIE ILI VIVAS?

Sed la diferencoj inter etnoj restas enormaj. Kaj ĉiu evoluis malsame. Ili ne estis kontaktitaj de la blankuloj samtempe kaj sammaniere. Kelkaj renkontis blankulojn antaŭ 2, 10 aŭ 500 jaroj, dum kelkaj ankoraŭ izolite vivas. Kelkaj estis viktimoj de genocidoj, aliaj tuj estis helpataj de la brazila estraro.

Nuntempe 180 indiĝenaj lingvoj estas plu parolataj de 380.000 homoj el 220 etnoj. Ili reprezentas nur 1% de la tuta loĝantaro. Indiĝenaj grupoj vivas en preskaŭ ĉiuj brazilaj ŝtatoj, sed la rekonitaj teroj reprezentas nur 11% de la nacia teritorio. La teritoria surfaco varias inter 9 milionoj da hektaroj por la *Yanomami* ĝis 9 hektaroj por iu gvarania grupo. Plejmulte el ili vivas el ĉasado, fiŝkaptado, plukado kaj kultivado per itinera brulado. 53 grupoj plu vivas izolitaj aŭ "ne-kontaktitaj". Aliaj, la plej malfeliĉaj, vivas en la ĉirkaŭurboj.

*El la TTT-ejo de Wayanga*

**KONSILANTO PRI HOMAJ RAJTOJ** La 15-an de marto 2006 la Ĝenerala Asembleo de UNO adoptis rezolucion ebligantan la kreon de Konsilanto pri Homaj Rajtoj, kiu anstataŭos la Komisionon pri Homaj Rajtoj kaj sidejos en Ĝenevo. Ĝi rekte dependos de la Ĝenerala Asembleo de UNO, kunvenos pli ofte kaj pli serioze kontrolos la respektojn de homaj rajtoj fare de la membro-ŝtatoj.

# "BRAZILAJ ETNOJ: TERITORIOJ KAJ KONFLIKTOJ"

**el la numero 66 de *Etnismo***

***Fine de la jaro 1999 aperis en Etnismo kvinpaĝa artikolo pri la indiĝena situacio en Brazilo de Pekim Tenório Vaz. El ĝi ni tiras kelkajn informojn, kiuj kompreneble datumas de 7 jaroj.***

---

## KELKAJ HISTORIAJ FAKTOJ

Oni kalkulas, ke de 1900 ĝis 1957 ĉirkaŭ 90 izolitaj grupoj aŭ etnoj malaperis, ĉu pro pafado, hundĉasado, ĉu pro "blankulaj" malsanoj. Antaŭ 500 jaroj la portugalaj konkerantoj komencis la persekutadon kaj mortigadon en ĉi tiu parto de Sudameriko. Post la jaro 1822, kiam Brazilo sendependiĝis de Portugalio, la brazilanoj daŭrigadis tiujn krimegojn. Ĉar la koloniado komenciĝis ekde la atlantika marbordo, malmultaj indiĝenaj etnoj ankoraŭ loĝas en tiu parto: ili malaperis aŭ asimiliĝis. Tiuj kiuj loĝas en Amazonio konservis siajn originajn lingvojn kaj kulturojn.

## PRI TERITORIOJ

La brazilaj arbaruloj vivas en 563 indiĝenaj Teritorioj speciale pritraktataj en la Federacia Konstitucio, tamen en 80% el tiuj regionoj okazas daŭraj invadoj. Nur la landa Kongreso (federaciaj deputitoj kaj senatanoj) povas rajtigi al iu ekonomia ekspluatado en tiaj Teritorioj. Eĉ por nuraj vizitoj oni devas peti permeson de FUNAI (registara organizaĵo pri indiĝenaj aferoj). Laŭ neordinara leĝo, se indiĝeno mortigas invadintojn de sia Teritorio, li ne responsas pri la krimo. Tamen tiuj protektigaj leĝoj ĝenerale ne estas respektataj kaj senĉese malobservataj pro orserĉado, ligna ekspluatado, agrokulturado kaj brutbredado en tiuj Teritorioj.

Laŭ la brazila leĝaro necesas kvin sinsekvaj etapoj por krei indiĝenan Teritorion: determini, limigi, eksproprietigi, sankcii kaj registri. La sumo de tiuj Teritorioj egalas proksimume 850.000 km$^2$ (11% de la landa surfaco). Tiuj 563 Teritorioj distribuiĝas tiel: 105 en la Nord-Okcidento, 311 en la Nordo, 58 en la Nord-Oriento, 56 en la Sudo, 27 en la Sud-Oriento.

## DIVERSAJ KAŬZOJ DE KONFLIKTOJ

En la jaroj 1980-1988 giganta projekto nomata Norda Strio (*Calha Norte*) celis samtempe lokan stimuligon de la ekonomio kaj plifortigon de la nordaj landlimoj. Tiu projekto perturbis la norde loĝantajn etnojn. Proksime de tiuj limoj loĝas miloj da indiĝenoj el la tikuna, janomama kaj aliaj etnoj, kiuj vivas tie jam de centoj aŭ miloj da jaroj, kiam la modernaj ŝtatoj ankoraŭ ne ekzistis.

Sametnanoj vivas transe en la najbaraj landoj kaj tiuj indianoj neniam agnoskis tiujn limojn, kiuj ilin dividas. Tial ili estas konsiderataj kiel minacantaj la integrecon kaj sekurecon de la ŝtato kaj tiu projekto ankaŭ celis transloĝigi multajn indiĝenojn.

Laŭ dekreto n-ro 22, vortumita en 1991, FUNAI devus redifini la limojn de la indiĝenaj Teritorioj konsiderataj kiel nesufiĉe grandaj. Sed la ŝtato malrapidas en tiu tasko kaj, male, la prezidanto *Cardoso* (li prezidis ĝis 2002) aprobigis en 1996 dekreton rajtigantan iun ajn ŝtaton, distrikton aŭ individuon koncernatan kaj nekonsentan pri la grandeco aŭ la geografiaj limoj rekonsiderigi Teritorion ankoraŭ ne finregistritan. Tiu dekreto kontraŭstaras leĝon n-ro 231 de la Federacia Konstitucio, kiu fiksas, ke la registaro devas garantii la tutecon kaj sekurecon de la indiĝenaj teritorioj.

La grundaj riĉaĵoj de la Teritorioj kaj la industria agrikultureblecoj allogas multajn kontrabandistojn, eksportistojn, riĉajn politikistojn ktp.

Dum la lastaj jardekoj la plej gravaj kaj fortaj kontraŭaĵoj alfrontitaj de la brazilaj praloĝantoj estas:

- Konstruado de grandaj akvobaraĵoj por produkti elektran energion.
- Konstruado de interŝtataj aŭtoŝoseoj kaj akvovojoj.
- Ekspluatado de oro.
- Komerco de ligno.
- Starigado de grandaj registaraj kaj privataj ekonomiaj projektoj.

Tiuj konstruejoj kaj ekspluatadoj en regionoj praloĝataj far indianoj kreas kun ili perturbajn rilatojn (mortigojn, seksperfotojn, malsanojn, kaj koruptadon). Ili ankaŭ detruas la naturan medion necesan al la pluvivado de tiuj popoloj. *N.M.*

***Erratum!*** Vi povis konstati ke la presa koboldo, aŭ pli ĝuste la tajpa koboldo, foje aktivas en niaj kolumnoj. Ni bedaŭras kaj faras ĉion por ĝin malhelpi, tamen en la numero 77 ĝi estis aparte malica. Eble vi demandis vin ĉu nia prezidanto, *Daniele Vitali* verkis novan Bulonjan Gramatikon por kunfesti la jubileon de la unua Universala Kongreso de esperanto. Sed ne, la recenzita gramatiko (***Etnismo*** 77 p. 15) celis la bolonjan dialekton parolatan en la itala urbo Bolonjo, ĉefurbo de la padia regiono Emilio-Romanjo. La titolo de la recenzo devintus do esti:
**Nova bolonja gramatiko**

En la sama numero p. 19 ni anoncis, **Uwe Joachim Moritz** estis nomumita homora membro, sed la fondinto de IKEL kaj de ***Etnismo*** estis nomita **honora prezidanto.**
Ni pardonpetas pro la eraroj. *La redakcio*

### *WAYANGA*, ĈU PLU VIVOS AMAZONIO?

*(Wayanga, Amazonie en sursis)*

Tiel titoliĝas libro franclingve verkita de *Emilie Barrucand* aperinta lastjare ĉe la eldonejo "*Le Cherche Midi*". Ni retrovas en la titolo de la libro la vorton "*wayanga*" donitan al la asocio kreita de la aŭtorino. En tiu libro, kiu legiĝas kiel romano, ni trovas precizajn informojn pri la priindiĝena politiko de Brazilo, pri la ĉiutaga vivo de la popolo *Mẽbêngôkre* (sinonimo de -kajapo-) *Mẽtyktire*, kie la aŭtorino restadis, pri la blankula danĝero kaj pri la ekzistantoj solvoj por defendi sin de tiu danĝero. La aŭtorino do rakontas sian restadon ĉe la indianoj de *Mẽbêngôkre Mẽtyktire* en la ŝtato *Mato Grosso*. Ŝi restadis ekde aprilo 2003 kvar monatojn tie por pretigi la projekton "Interetnan Solidarecon". Laŭlonge de nia legado ni eklernas, ke ŝia unua vojaĝo okazis danke al la ĉefo *Raoni*, kiun ŝi konsideras kiel adoptan patron. Oni retrovas ankaŭ la nomojn de la delegitoj ĉeestantaj la vespero-debaton rakontitan supre. Oni aŭdas el la buŝo de *Pirakuman Yawalapiti*, ke "ĉiuj prezentas *Lula* (la prezidanto de Brazilo) kiel la savanton de Brazilo. Sed ekde lia elekto la situacio de la indiĝenaj popoloj daŭre malboniĝis. Programoj estas starigataj por malriĉuloj, sekretario por la nigraj homgrupoj (SEPIR: *Secretaria Especial de Políticas de Promoção de Igualdade Racial*, Speciala sekretario de la politikoj pri promocio de rasa egaleco). Sed por la indianoj, nenio. La buĝeto de FUNAI (Fondaĵo de la indianoj, ligita al la brazila ministerio pri Justico, kiu mastrumas la indiĝenajn aferojn) estis denove reduktita. La bienposedantoj, la orserĉantoj kaj la lignoekspluatantoj invadas nian terojn…" Najbaro aldonas: "Senatano *Romero Juca* celas ekde pluraj jaroj voĉdonigi leĝon, kiu reguligus minejan ekspluatadon en indiĝenaj teroj." Oni sekvas *Emilie Barrucand* en la teritorio de la *Mẽbêngôkre Mẽtyktire*-popolo, kie ŝi lernas korpo-pentraĵojn kun la virinoj, kaj sekvas dum semajnoj la virojn dum ĉasekspedicio en la praarbaro. Tiu libro vere enamigas nin al tiuj indianoj.

**Fontoj kaj referencoj:**
**DOCIP**: http://www.docip.org/index.html
***Wayanga***: http://www.wayanga.org/
**Inu-popolo**: http://www.innu-aimun.ca/
**Franclingvaj libroj:**




- *Wayanga - Amazonie en sursis*, *Emilie Barrucand*, *Le Cherche Midi*, 2005.
- *Innu - A la rencontre des Montagnais du Québec-Labrador*, *Jil Silberstein Albin Michel*, 1998.
- *Kali'na - Une famille amérindienne de Guyane française*, *Jil Silberstein Albin Michel*, 2002.
- *Dans la taïga céleste -Entre Chine et Russie, l'univers des Touvas*, *Jil Silberstein Alban Michel* 2005

*Alain Favre*

# ITALIO, RESPUBLIKO DE TIOM MULTAJ POPOLOJ

***La venonta Universala Kongreso okazos en Italio, kaj Etnismo kutimas informi pri la etna situacio de la kongreslando. Tiu ĉi artikolo enkondukas la temon de tiu Italio unuigita antaŭ ne tiom longe, kaj bone komprenigas kial "oni ne parolas nur itale" en la duoninsulo.***

---

### MALFRUA "UNUIĜO"

La itala regno, tuja antaŭanto de la nuna itala respubliko, fondiĝis nur en 1861. Ja pli frue en la historio, post la brila romia epoko, ekzistis regnoj, kies teritorio kovris foje eĉ la tutan duoninsulon, padian ebenaĵon kaj ĉirkaŭajn Alpojn. Sed tio okazis antaŭlonge, komence de Mezepoko, ekzemple kun la fama Teodoriko, reĝo de la ostrogotoj. Poste la longobardoj ne sukcesis okupi la tutan duoninsulon, same por la karolidoj, kaj kun la estiĝo de feŭdismo aperis kiel preskaŭ ĉie en Eŭropo multaj ŝtatetoj, kiuj ne tiom kuniĝis kaj vastiĝis dum la postaj jarcentoj. Longe sentiĝis la politika influo de la "romĝermana" imperiestro kaj de la papo, kies partianoj – respektive gibelinoj kaj gelfoj – daŭre interbatalis. Dume en la sudo sentiĝis diversaj influoj: bizancanoj, araboj, normandoj, germanoj (aŭ ŝvaboj), francoj (aŭ anĵuanoj) laŭvice estris tiun regionon strategie tre gravan, situantan meze de Mediteraneo. Komence de Renesanco (kaj ĝin favorante) subskribiĝis la traktato de *Lodi* (1454), laŭ kiu devis ĉesi militoj inter la italaj ŝtatoj. Ĉu frua sento de komuna identeco? Aŭ neceso de paco inter proksimaj urboj por povi disvolvi pli trankvile fruktodonajn komercajn rilatojn? Jam 150 jarojn antaŭe la florenca verkisto *Dante Alighieri,* kvankam tre allogata de la provenca kulturo, elektis la toskanan kiel beletran lingvon foje disertis pri la italeco de tiu aŭ alia regiono, (prave) ne tre favore ekzemple kiam temis pri Piemonto kaj

Trentio.
Dum kaj post Renesanco la sufiĉe prosperaj kaj kulture brilaj ŝtatoj de la duoninsulo vekis la apetiton de la najbaraj landestroj, tial armeoj francaj, aragonaj, kastiliaj kaj aŭstraj decidis pri la sorto de popoloj ofte tiel falantaj en novaj (feraj) manoj… tamen kun pli da respekto por la eklezia ŝtato, kiu konservis la samajn limojn dum tuta jarmilo – escepte de la tre ĥaosa epizodo de la napoleona regperiodo.
Ni profitu la okazon por iomete resti kun tiu *Napoleone Buonaparte,* korsikano de ĝenovdevena familio, kiu sentis sin (ankaŭ) italo kaj fiere surkapigis al si la feran kronon de la longobardaj reĝoj de Italio, jam kaptitan pli ol mil jarojn antaŭe de Karolo la Granda.

**ĈU TIU KONCEPTO DE ITALECO RESPONDIS AL IO SENTATA PROFUNDE EN LA MENSOJ?**

Kiel konate, la deknaŭa jarcento estis tiu de la "naciecoj"; en la duoninsulo leviĝis movadoj celantaj la unuigon de Italio, en kiuj troviĝis kaj monarkiistoj kaj respublikanoj. La tiel nomata reĝo de Sardio (kiu posedis ankaŭ Savojon, Aostvalon, Nicon, Piemonton kaj ekde 1815 Ligurion) per siaj militoj kontraŭ la aŭstroj, tiamaj estroj de Lombardio kaj Venetio, iĝis la gvidanto de tiu unuigo; en tio li estis helpata de alia Napoleono, la tria (kaj, espereble, lasta), kiu ankaŭ sin sentis iomete italo, sed profitis la okazon por aneksi Savojon kaj Nicon (1860). Inter 1860 kaj 1870 *Vittorio Emanuele* la dua povis vastigi sian reĝlandon ĝis la kaptado de Romo, kio ne aparte plaĉis al la papo. Sude, la iom putriĝinta Napola regno jam estis konkerita helpe de *Giuseppe Garibaldi,* respublikano kaj nicano, kiu tamen akceptis servi monarkion por konstrui Italion, sed amare vidis la perdon de sia amata denaska urbo… *Addio Nizza la bella!*

### "FARINTE ITALION…

Oni rajtas starigi al si la demandon, ĉu tiu koncepto de italeco respondis al io sentata profunde en la mensoj, aŭ estis inventita de burĝaro, kiu celis pli grandan merkaton en pli kaj pli industria mondo. La uzo de la itala lingvo, al kiu la unuaj verkistoj (*Dante, Petrarca, Boccaccio*) kaj poste Renesanco donis grandan prestiĝon, disvastiĝis rapide en pluraj ŝtatoj, kiuj uzis ĝin administracie. Regnestroj, nobeloj, riĉaj burĝoj ja tre ŝatis la prestiĝajn lingvojn. Interesa ekzemplo estas tiu de la savoja ŝtato: kiam ĝi estis restarigita post aparte milit- kaj okupaciplena periodo, en la dua duono de la deksesa jarcento, la duko decidis, ke oni administros france Savojon kaj Aostvalon, itale Piemonton kaj Nicon, kaj la alpaj valoj iom hezitis inter ambaŭ lingvoj. Tiel okcitanoj kaj francprovencanoj devis lerni ĉu la francan, ĉu la italan por bone kompreni sian impostkolektiston; do finfine la elekto/altrudo de lingvo ne respondis al la etneco mem. Alia grava faktoro estis la latinideco de preskaŭ ĉiuj italianoj, fine de la deknaŭa jarcento. Do por plej multaj loĝantoj la itala, kvankam vaste parolata nenie, estis relative komprenebla kaj legebla. Tiom pli facilis denunci la "fremdulon", ĉefe germanlingvan, pene forpelitan de la nordo kaj ĉiam pretan ataki sur la Alpoj. Tion jam pli frue bone komprenis interalie *Alessandro Manzoni,* aŭtoro de la fama romano *I promessi sposi* («La Gefianĉoj»), vivanta en Lombardio tiam (1840) regata de la aŭstroj; sopirante pri la foriro de la okupaciantoj, li decidis unuigi, poluri kaj modernigi la italan lingvon, tiel fasonante pli vaste akcepteblan interlingvon por la onta ŝtato.
Sed post la unua mondmilito (1919) Italio, kiu troviĝis en la kampo de la venkintoj, aneksis Trention, sudan parton de Tirolo (provoke nomitan poste *Alto Adige*), Trieston, Istrion kaj la apudan parton de la orientaj Alpoj (distriktoj nun situantaj en Slovenio kaj Kroatio) kaj eĉ kelkajn grekajn insulojn. Tiun vastigon oni pravigis per ne tro klaraj historiaj kialoj, foje reirante al la romia periodo.

### … NECESAS FARI LA ITALOJN"

Jam fine de la deknaŭa jarcento oni komprenis la malfacilon fari el la loĝantoj de Italio unuecan popolon. Malmultaj bone konis la nacian lingvon, la "regionaj" identecoj restis tre fortaj, la instruado grandparte restis en la povo de la katolika eklezio, en pli malpli aperta konflikto kun la ŝtato pro la problemo de la papo, senigita de sia tera povo. Tamen la etnaj konfliktoj estis malmultaj; preskaŭ nur la aostvalanoj (kaj, pli mole, la loĝantoj de iuj piemontaj valoj) provis batali por la konservado de sia oficiala lingvo (nome la franca), kiun la ŝtato iom post iom anstataŭigis per la itala.
Kompreneble tiaj problemoj akriĝis ĉirkaŭ 1920, post la anekso de novaj teritorioj, loĝataj ĉefe de germanoj kaj slavoj. La tutkomencaj promesoj pri respekto al la tieaj kulturoj ne havis eĉ la minimuman efikon, pro la enpoviĝo de la faŝistoj sekve de la "marŝado al Romo" (1922). Tiel, dum terura "jardudeko", okazos senkompata politiko de italigo. Eĉ la nomoj de lokoj kaj homoj estos ofte modifitaj aŭ tradukitaj por aspekti tute itale. Tre lerte la «duĉo» *Benito Mussolini* sukcesos akiri la subtenon de la plimulto de la katolikoj, subskribinte kun la eklezio la Lateranajn Paktojn (1929), kiuj interalie redonis al la papo lian dignon de ŝtatestro. Estas nun tiel komike kiel tragike legi en tiutempa aostvala libro, verkita de la abato *Joseph Henry,* ke *Mussolini* estas "providenca homo"; tiu libro fakte estis la lasta, kiun oni rajtis aperigi en la franca dum la faŝisma periodo
La politiko de italigo havis multflankajn aspektojn; ĝi

koncernis la tuttagan vivon, tre diversspecaj atakoj daŭre okazis, neniam trankvilo povis reveni. La faŝistoj sukcesis bankrotigi lokajn bankojn, ruinigante multajn kamparanojn kaj etajn komercistojn. En la alpaj valoj kreiĝis novaj industrioj, ĉefe primetalaj interalie por la armeaj bezonoj; sed la lokaj homoj malofte estis dungitaj, oni venigis amase loĝantojn de aliaj regionoj por favori la italigon de la lokanoj kaj proporcie redukti ties nombron – tiom pli, ke multaj enloĝantoj decidis forlasi sian teron por trovi pli dignajn vivkondiĉojn eksterlande. Kiel en la aliaj partoj de Italio, sed kun pli forta polica kontrolado, infanoj kaj junuloj estis fakte devigataj membriĝi en patriotaj asocioj, kie ili kompreneble ricevis plej faŝisman instruadon. Estis malpermesite, eĉ private en la hejmoj, instrui la lokan lingvon. Oni tamen tion faris, sed kun grandaj riskoj - inter kiuj la ekzilo al suda Italio. En Sudtirolo oni eĉ aplikis leĝon, kiu ebligis forpeli homon el lia bieno, spite al la rajto pri privata posedaĵo. Kiam evidentiĝis, post uzado de ĉiaspecaj rimedoj, ke la germanlingvaj tirolanoj neniam fariĝos bonaj "gefiloj de la lupino", *Mussolini* kaj *Hitler* interkonsentis pri amasa translokado de la sudtirola loĝantaro al Germanio (tiutempe jam aneksinta Aŭstrion). Sed malmultaj familioj efektive forlasis sian bienon: la dua mondmilito ja eksplodis.




**Faŝismo plu vivas en Sudtirolo, sub la rigardo de la oficiala Italio**

### DE LA ARTIKOLO 6...

Kun la fino de tiu milito ankaŭ finiĝis la faŝisma periodo. Plej multe la italianoj voĉdonis favore al la establiĝo de respubliko kaj forpelo de la savoja dinastio, tre kompromitita kun la antaŭa reĝimo. Notindas, ke Aostvalo proporcie plej multe jesis tiujn proponojn, kvankam ĝi estis, en la itala ŝtato, la plej malnova posedaĵo de la ekde 1032 ĝis 1946 reganta familio. Italio en tiu epoko perdis teritoriojn, sed bone sukcesis "redukti la damaĝojn" pro tre lerta ekstera politiko (ĉefe de la kristan-demokrata politikisto *Alcide de Gasperi)* kaj fakta apogo de Usono. Tamen Jugoslavio (pli precize Slovenio kaj Kroatio) kaptis grandan parton de *Venezia Giulia,* en la orientaj Alpoj. La triesta sektoro estis dividita en du distriktojn, A kaj B, sub internacia regado, kun reciprokaj rajtoj por la malplimultoj (slovena/kroata en la unua, itala en la dua). Sed dum la 50-aj jaroj distrikto A, entenanta la urbon mem, fariĝis italia, kaj B fariĝis jugoslavia, kun konservo de la rajtoj.

Ankaŭ en okcidentaj Alpoj estis postmilitaj manovroj, ĉi-kaze de la francoj, kiuj dum la pacnegocadoj finfine akiris nur du municipojn en la alt-*Roja* sektoro (ne for de Nico) kaj kelkajn alpajn suprejojn laŭlonge de la kresto. Post iom da tumulto Aostvalo tamen ne estis aneksita de Francio sed ricevis autonomian statuton, en kiu oni interalie agnoskis dulingvecon (italan kaj francan).

Sudtirolo ne nur "mirakle" restis en Italio (tiom pli facile, ke Aŭstrio, kvankam retrovinte memstarecon, estis metita en la kampo de la venkitoj), sed fariĝis unu el la du provincoj de la regiono *Trentino-Alto Adige,* en kiu la germanoj estis entute malplimultaj. Tamen ambaŭ provincoj iĝis aŭtonomaj, kadre de ankaŭ aŭtonoma regiono, kun internacia garantio kontrolata de… Francio. Ni aldonu, ke ankaŭ fariĝis aŭtonomaj *Friuli-Venezia Giulia,* Sardio kaj Sicilio (tiuj lastaj du pro sia insuleco). La aliaj regionoj ricevis "ordinaran statuton", do malpli da aŭtonomeco.

Ĉefe pro la iniciato de iuj montaraj kontraŭfaŝistaj partizanoj, kiuj sukcesis akceptigi sian starpunkton, en la konstitucio de 1948 la artikolo 6 tekstas: "La respubliko protektas la lingvajn malplimultojn per laŭcelaj normoj". Bedaŭrinde la normojn oni devis tre longe atendi.

### ... AL LA LEĜO 482/99

En la tri gloraj jardekoj, kiuj sekvis la duan mondmiliton, Italio ege ŝanĝiĝis, fariĝis industria, "moderna" lando, kun tre evoluinta ekonomio. Samtempe la naciŝtata lingvo estis konsiderata kiel vektoro de progreso; multaj familianoj adoptis ĝin, tiel montrante al la parencoj, ke ili ne plu estas enkotiĝintaj kamparanoj; ne hazarde sicilianoj pli ofte ol aliaj forlasis la "dialekton", kiun nun multaj junuloj eĉ ne komprenas. Aliflanke la fluo de suduloj al la nordo iĝis tre forta dum la kvindek- kaj sesdekaj jaroj, pro malekvilibra disvolviĝo (kulpis ja mafioj, sed ne nur). Tio koncernis cel-regionojn kiel ekzemple Aostvalon, kie homoj devenantaj de lokaj familioj nun estas malplimulto. Poste tiu fenomeno kvietiĝis – kaj la novaj alvenantoj ofte havas ankoraŭ pli foran devenon – sed la reagoj de la lokanoj ne ĉiam estis trafaj, kaj la enmigrantoj mem foje abrupte rifuzis – kaj plu rifuzas – la lokan kulturon.

*Sekvo p. 13*

*Astrid Hanke, D-ro Dieter Meiners,*
*Uwe Joachim Moritz*

# FRISAJ PERSPEKTIVOJ




**ETNISMA FILATELIO,…**

Pasintan someron homoj el la tri frisaj regionetoj - Okcidenta, Orienta kaj Norda Frislandoj - kunvenis apud "*Upstalsboom*", proksime de *Auerk/Aurich* (en plej nordokcidenta Germanio), por memorigi pri la Frisa Manifesto de 1955 kaj pri la tiuokaza fondo de la Frisa Konsilio. La 50-jaran jubileon profitis la Germana poŝto por eldoni specialan poŝtmarkon, en kio ĝojige surprizis precipe la enpreso de la triĉefaj variaĵoj de la frisa lingvo krom en la germana. (vidu ĉi-supre pligrandigitan reprodukton). Ŝajnas ke nur duafoje aperas teksto en minoritata lingvo sur poŝtmarko de FR Germanio. (En numero 63, p. 2, ***Etnismo*** menciis la publikigon de poŝtmarko kun subskribo en la germana kaj soraba lingvoj.)
Eventuale, ni rajtas konkludi ke tiu ĉi evento estas simbolo de la iom-post-ioma ŝanĝiĝo de la situacio, almenaŭ de la frisoj.

**…dulingvaj nomplakoj…**

Fine de septembro 2005 estis fiksitaj frislingvaj tabuletoj sub germanlingvaj nomplakoj de naŭ fervojaj stacioj en la distrikto Norda Frislando (en nordokcidenta Ŝlesvigio-Holstinio). La kostojn de 40.000 € plejparte pagis la ŝtato kaj la Germana Fervojo. Evidente, tio ĉi ne estas esenca salto por garantii brilan estonton de la frisa lingvo, sed ja temas pri taŭga paŝeto por montri al dekmiloj da turistoj feriantaj ĉiujare, ekzemple, en la insulo *Sylt/Söl*, ke la regiono estas plurlingva.

**…kaj lingvolernado…**

"La duoblo da lernejanoj deziras paroli la frisan" estis titolo, la 3-an de decembro 2005, en *Flensborg Avis,* la taggazeto de la dana minoritato en Ŝlesvigio-Holstinio, la plej norda el la federacianaj landoj de Germanio. La frisa lingvo, kiu estas parolata, krom en la nederlanda provinco Frislando, ankaŭ en tri vilaĝoj de Saterlando (Malsupra Saksio), kaj laŭlonge de la okcidenta marbordo de Ŝlesvigio-Holstinio kaj en la najbaraj insuloj, estas neniel minacata de formortado. Precize tie ĉi, kie la frisa rezistas apud la normgermana, la platdiĉa, la dana kaj la sudjutlanda, konstateblas kreskanta interesiĝo pri la frisa lingvo.
Kvankam, dum la nuna lernojaro, la frisa estas - laŭ *Flensborg Avis* - instruata en 27 lernejoj de la distrikto Norda Frislando (do, en kvar malpli ol antaŭ 15 jaroj), pro la koncentrita oferto la instruado iĝis pli efika. Nuntempe precipe la distribuiĝo de la instruofertoj en la nordfrisa lingvio estas pli bona. La rezulto estas la ege kreskinta nombro de la lernantoj de la frisa. Dum, laŭ informoj de la ŝlesvigi-holstinia registaro, tiu nombro, rilate la okcidentan marbordon, troviĝis ĉe 739, ĝi plialtiĝis ĝis hodiaŭ al 1.455, tio signifas ke ĝi preskaŭ duobliĝis.
*Lars Harms*, nordfrisa deputito en la landa parlamento de Ŝlesvigio-Holstinio, ne vidas financajn ŝarĝojn de la lernejoj proponantaj frisan lingvo-



lernadon. Male: La federaciana lando transprenas la kostojn de la instruistoj de la frisa lingvo en la diversaj lernejoj. La frisan eblas lerni en multaj publikaj lernejoj de Norda Frislando, inter alie en la insuloj *Amrun, Föhr, Sylt* kaj *Helgoland*, sed ankaŭ en la lernejoj de la dana minoritato en *Brestedt, Risum* kaj *Westerland*. Plie, partoprenas en la instruado de la frisa la gimnazioj de *Niebüll* kaj *Wyk*. Plej bone provizitaj estas la lernejo en *Amrun* per kvar instruistoj kaj la publika lernejo en *Niebüll* per tri.
Same, la german- kaj frislingvaj loknomtabuloj videblaj depost kelkaj monatoj en stacidomoj de Norda Frislando estas esprimo de la pligrandiĝanta interesiĝo pri la frisa lingvo.

**…kaj disputoj.**
Kiel oftas en relative malgrandaj movadoj, ankaŭ inter la du ĉefaj nordfrisaj asocioj ekestis nova malharmonio pri la demando, ĉu la Frisa Manifesto de 1955 estas adaptenda al la nuntempaj situacio kaj esprim-maniero. Al eksterulo la starpunktoj ŝajnas ne esence diferencaj, sed la spertoj montras ke ideologoj vidas problemojn en ĉio proponata de la alia flanko. ***AH, DM, UJM***




**Eĉ la ĉefministra komisiistino pri minoritataj aferoj, *Caroline Schwartz* (maldekstre), aktive partoprenis la malkovron de la unua dulingva tabulo en la stacidomo de *Westerland/Weesterlön* en la insulo *Sylt/Söl*.**

## ***ITALIO, RESPUBLIKO DE TIOM MULTAJ POPOLOJ*** (sekvo)

Tiuj novaj cirkonstancoj havis ankaŭ pozitivan efikon: homoj devis iomete pripensi pri siaj radikoj kaj la rimedoj ilin konservi, integrante la novulojn. Dum la sepdekaj jaroj etnismaj kaj federismaj asocioj kreiĝis. La establitaj "etnaj" politikaj partioj kiel *Südtiroler Volkspartei* aŭ *Union Valdôtaine* estis ĉu renovigitaj, ĉu ekkonkurencitaj fare de novaj strukturoj kun gejunuloj aparte provokemaj, kiel *Eva Klotz* en Sudtirolo. Cetere tiu ĉi regiono estis ofte skuata en tiu epoko de atencoj kaj aliaj perfortaj agoj, kun foje eĉ pli fortaj reagoj de policanoj (ĝis torturo kaj murdo de du senkulpaj knaboj); post malfacila periodo tio ja kondukis al pli bona kaj justa apliko de la aŭtonomia statuto kaj al nun "paciĝanta" etoso inter germanoj, ladinoj kaj italoj.
En 1980, fine de la "plumbaj jaroj", kiuj plagis Italion per ties politikaj atencoj kaj ekonomia krizo, la etnaj movadoj plu ekzistis kaj disvolviĝis, ofte adoptinte tre maldekstran politikan orientiĝon – ni citu *Movimento Autonomista Occitano* (MAO) en la okcitanaj valoj de Piemonto. Foje iliaj balotaj rezultoj estis tute ne neglektindaj, kio instigis la "grandajn" partiojn al pli da pripenso rilate la etnajn demandojn. Ankaŭ maljustoj bone videblaj – kiel la diferencoj de traktado de la sama etno en la du flankoj de provinca aŭ regiona landlimo (ladinoj en *Trento* kaj *Bolzano/Bozen,* slovenoj en *Gorizia* kaj *Trieste/Trst,* valzeroj (alemanoj) en *Vercelli* kaj *Aosta/Aoste…*) montris, ke multo estas farenda. Oni repensis pri la artikolo 6, plurfoje pretigis leĝproponon, sed … parlamenta plimulto kolapsis, alia formiĝis, balotoj okazis, ĉefministro ne tre emis… kaj unu post la alia la projektoj forgesiĝis. Dum la naŭdekaj jaroj, kun la disfalo de la komunisma bloko, etnaj konfliktoj reaperis en pluraj lokoj de



***Eva Klotz (Union für Südtirol)***




Establita laŭ la uzo de la lingvoj:

**LATINIDAJ:**

FP: **francprovenca** (en nordokcidentaj Alpoj kaj du municipoj en Apulio)

IT: **italaj lingvoj** ("centraj kaj sudaj dialektoj", inkluzive de la korsika, norde de Sardio)

KA: **kataluna** (urbo *Alghero/l'Alguer* en Sardio)

OK: **okcitana** (en okcidentaj Alpoj kaj unu municipo en Kalabrio)

PA: **padia** (emilia, ligura, lombarda, piemonta, romanja, trentia, venecia…, ± padia

RE: **retia** (**ladina** kaj **friula**, en orientaj Alpoj)

SA: **sarda** (granda parto de Sardio)

La **franca** ne aperas sur tiu mapo ; ĝi fakte nenie estas etna lingvo en Italio, sed oni tradicie uzas ĝin en Aostvalo (kie ĝi estas kunoficiala kun la itala) kaj iomete en okcidenta Piemonto, ĉefe en la valdaj valoj (vidu ***Etnismo***-n 73 : 11-14).

**ALIAJ HIND-EŬROPAJ**

AL: **albana** (lingvaj insuloj en la sudo)

GE: **germana kaj alemana** (en la nordaj Alpoj, interalie Sudtirolo)

GR: **greka** (lingvaj insuloj en la sudo)

SL: **slovena** (orientaj Alpoj)

KR: **kroata** (lingvaj insuloj en la sudo)

Eŭropo kaj Azio, tial oni pli ol antaŭe emis kompreni, ke kie estas rajtoj, pli malmultas problemoj. Internaciaj dokumentoj estis aprobitaj, ĉefe de la Konsilio de Eŭropo (vidu ***Etnismon*** 74: 7-8).

Italio estis subskribonta la Eŭropan Ĉarton pri Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. Komisiono serioze eklaboris kaj, la dekvinan de decembro 1999, estis aprobita leĝo, kiu finfine donas realon al la sesa artikolo de la itala konstitucio.

**DUM LA NAŬDEKAJ JAROJ, KUN LA DISFALO DE LA KOMUNISMA BLOKO, ETNAJ KONFLIKTOJ REAPERIS EN PLURAJ LOKOJ DE EŬROPO KAJ AZIO, TIAL ONI, PLI OL ANTAŬE, EMIS KOMPRENI, KE KIE ESTAS RAJTOJ, PLI MALMULTAS PROBLEMOJ.**

Ni ne tro detaligu dirante, ke en la koncernataj municipoj, la de la konsilantaro elektita(j) lingvo(j) fariĝas kvazaŭ kunoficiala(j) kun la itala, kiu tamen restas la oficiala lingvo de la respubliko. Oni povus miri pri la fakto, ke municipoj (ne provincoj, regionoj) elektas, sed oni ne devas forgesi, ke ekzistas en Italio multegaj lingvaj insuloj, kaj ke pluraj lingvoj troviĝas en la sama provinco kaj regiono. Cetere tiuj lastaj du administraj ŝtupoj ludas gravan rolon en la procezoj de adopto, kunordigo, financado, ili povas krei institutojn, subskribas konvenciojn... Entute la minoritata lingvo rajtas eniri ĉiujn ŝtupojn de la lerneja sistemo (dulingveco), la municipajn administraciajn giĉetojn, la toponimion, la amaskomunikilojn, eĉ la bazan nivelon de justico.

Bedaŭrinde ekzistas grava limigo, nome la fermita nombro de la lingvoj koncernataj de la leĝo: temas pri la albana, la kataluna, la ĝermana, la greka, la slovena, la kroata, la franca, la francprovenca, la friula, la ladina, la okcitana kaj la sarda. Oni do rimarkos, ke la plej parolata el ĉiuj minoritataj italiaj lingvoj, nome la padia (sub diversaj formoj), ne estas entenata. Pro politikaj kialoj la "nordaj dialektoj" ofte estas ja prezentataj kiel variaĵoj de la itala, kio ne akcepteblas laŭ lingvista vidpunkto. De la aprobo de tiu leĝo pasis nur kelkaj jaroj. Estas malmulte por fari bilancon. Plejofte la koncernataj municipoj sufiĉe rapide "oficialigis" sian lingvon, almenaŭ surpapere. Poste necesas vere agi, formi la dungitojn kaj instruistojn, fondi lingvajn institutojn, konvinki amaskomunikilojn… Ne ĉie la afero bone progresas, ankaŭ pro financaj malfacilaĵoj, kio povas kompreneble signifi, ke por multaj « decidantoj » ne temas pri prioritato. En kelkaj lokoj, kiel ĉe la okcitanoj kaj francprovencanoj de Piemonto, ekzistas unuavide stranga barilo: oni ja parolas sian lingvon, sed ne interkonsentas pri la maniero ĝin skribi… Iuj konsideras, ke la leĝo ne iras sufiĉe for, ke ĝi ne estas sufiĉe devontiga. Ĝi ja estas ilo, oni devas ĝin uzi, fariĝi lerta, se ne ĝi rustiĝos kaj baldaŭ ne plu uzeblos.

Aldone pluraj regionoj - ili entute emas pli kaj pli emancipiĝi de la ŝtato - jam adoptis proprajn leĝojn rilatajn al la minoritataj lingvoj, eĉ al tiuj troviĝantaj ekster la kadro de la leĝo 482/99. Sed ŝajnas, ke iuj profitas la okazon por proponi leĝojn kaj statutojn eĉ malpli protektajn por la minoritatanoj.

Ni tamen esperu, ke post kelkaj jaroj ***Etnismo*** povos alporti pozitivajn novaĵojn pri la evoluo de la minoritatoj en Italio kun, supozeble, kontribuaĵoj de la koncernatoj mem, ankaŭ - se ne ĉefe - pri konkretaj aferoj de la ĉiutaga vivo. Intertempe, ni kompreneble trovos la okazon pli detale prezenti la situacion de unuopaj etnoj, kaj al tio la venonta florenca UK tutcerte helpos. *A.F.*

---

*Xabier Rico Iturriotz*

# NOVAĴOJ EL EŬSKIO

### NOVA ETAPO EN EŬSKIO POST LA "KONSTANTA PAFOPAŬZO" DE ETA

Artikoleton titolitan "Survoje al definitiva militpaŭzo de ETA?" mi unue verkis por ĉi tiu numero de ***Etnismo***. Feliĉe mi devis ĝin rearanĝi, kaj oni povas nun demeti la ĉu-signon. Estas konate ke ETA deklaris "konstantan pafopaŭzon" la 22-an de marto. Ne "definitiva", tamen "konstanta", kiu estas la vorto uzata siatempe de la irlanda IRA.

Kvankam ne rekte, ETA agnoskas en tiu komunikado ke "nun estas tempo de demokratio", ne de perforto. Kvankam tiu decido estis esperebla, - tion ofte certigis lastatempe, kaj la hispana prezidento *Rodriguez Zapatero,* kaj homoj proksimaj al *Batasuna* dubis pri ĝia efektivigo, ĉar vere multaj simptomoj malfavoraj ŝajnis kontraŭstari la alvenon de tiu pafo paŭzo. Ankaŭ ekzistis ĉi tiu disvastigita penso inter la eŭskoj: "Kiam oni vidos, oni kredos".




**Bildo el la videobendo sendita al la eŭska televido por anonci la pafopaŭzon.**

### KIAL NUN?

Aŭ, kiel mi verkis en mia nun aranĝita artikolo, kio ŝanĝiĝis en Eŭskio por ke oni antaŭvidu proksiman pacon?

- Kiel supre menciite, pasintjare la hispana parlamento aprobis la "permeson dialogi kun ETA post la fino de perfortaj agadoj".
- En publika agado, fine de 2004, *Batasuna* (Unuigo), la partio kiu ideologie proksimas ETA-n, agnoskis "ke la ritmo por atingi la memdecidpovon de ĉiu el la tri eŭskaj teritorioj (Eŭska Aŭtonoma Komunumo, Nafaro, Nord-Eŭskio) povas esti nesama". Krome, *Batasuna* akceptis ke, kiam la "pacprocezo" ekos, oni nur parolu inter "socipolitikaj agantoj" pri la politika solvo al la konflikto, kaj ke tiam inter la hispana registaro kaj ETA oni nur priparolu "militajn aferojn", tio estas: redono de armiloj kaj liberigo de ETA-anoj enkarcerigitaj.
- La Nacia Diskutejo kreita antaŭdujare - kie kunvenas amaso de naciismaj organizoj kaj de sociopolitikaj agantoj - prilaboris dokumenton nomitan "Baza Demokratia Kunsento". Tie oni postulas kaj prilaboras senperfortan vojon al memdecido.
- En sia lasta skriba komunikaĵo, la 19-an de februaro 2006, ETA pozitive taksis la "Bazan Demokratian Kunsenton".
- Lastatempe, kiam atencoj de ETA revenigis maloptimismon al multaj, la hispana registaro denove certigis ke la fino de la perforto estas proksima.

Tamen ne ĉio favoras pacon. La daŭra puno kontraŭ la familianoj de malliberuloj kiuj ĉiusemajne devas vojaĝi longe for de Eŭskio por viziti siajn gefilojn, geedzojn aŭ geamikojn, la persisto de torturo kontraŭ la arestitoj, la entreprenistoj minacataj de ETA, la procesoj kontraŭ homoj kies nura delikto estas havi la samajn politikajn celojn kiel ETA. Jen kelkaj ombroj, bedaŭrinde sufiĉe densaj, kiuj malfaciligas la vojon al la dezirata paco.

### EŬSKA KAJ MONDA VERSIMPROVIZA AGADO

Kvankam ebla vojo al definitiva paco estas la kerno de la nuntempa politika etoso, multaj homoj laciĝas en Eŭskio, atendante la alvenon de militpaŭzo de ETA kaj de helpaj agoj de la hispana registaro. Multaj eŭskaj parolantoj konsideras ke la fakto ĝui kulturajn eventojn kiuj vigligas la lingvan komunumon povas esti almenaŭ tiel grava kiel la malfacila solvo de la politika konflikto. Unu el tiuj agadoj estas versimprovizado.

Krome, la eŭska versimproviza movado starigis helpon por diskonigi alilandajn similajn movadojn.

### NACIA VERSIMPROVIZA KONKURSO



Franclingva libro pri "bertsolarisma arto"[1], tio estas versimproviza arto

La kvarjara Nacia Versimproviza Konkurso okazis en Eŭskio pasintjare inter oktobro kaj decembro. Kvankam antaŭe ĝi ĉiam estis sukcesa, eĉ en la malfacilaj tempoj de la frankista diktaturo, ĉi foje ĝi atingis sian plej altan pinton. Post la klasifikaj konkursoj, la 18-an de decembro pli ol 13.000 homoj kunvenis por ĉeesti la lastan konkurson en la kunvenejo - kurioze anglalingve nomata - *Bilbao Exhibition Center*.

Kvankam la plejmulto de la partoprenantoj estis junaj - inter 20 kaj 30 jaraĝaj - la venkinto estis, kiel trifoje antaŭe, la 45-jara *Andoni Egaña*.

Ĉi tiu evento atingis ne nur la vastan atenton de eŭsklingvaj amaskomunikiloj, sed ankaŭ la hispanlingvajn ekzistantajn en Eŭskio.

Fakuloj de pluraj landoj pri versimprovizado kaj pri parola literaturo ĉeestis la lastan konkurson kiel invititoj. Ili povis ĝui la eventon pere de samtempa tradukado al la hispana kaj al la angla.

Pliaj informoj pri tiu evento, kaj pri la eŭska versimprovizado oni povas trovi en www.bertsozale.com, eŭske, france, hispane kaj angle.

### RETPAĜO PRI VERSIMPROVIZADO TRA LA MONDO

Per iniciativo de la Eŭska Versimproviza Asocio kaj kun la helpo de alilandaj versimprovizaj asocioj kaj fakuloj, kaj koincidante kun la supre menciita Nacia Versimproviza Konkurso oni starigis retpaĝon – www.argodat.com – kiu enhavas informojn pri la versimprovizado tra la mondo.

Antaŭ kelkaj jaroj, kiam okazis en Eŭskio internacia renkontiĝo inter versimprovizistoj kaj fakuloj, oni konkludis ke ĉi tiu movado, antaŭe ĉiam ligita al kampara etoso kaj riskinta malaperon pro influo de la skriba verkado, estas vigla aŭ reviglîĝas kaj en Eŭskio kaj en aliaj lokoj kiel Kartvelio, Latina Ameriko aŭ Sardio. Krome, nuntempe ĝi fariĝas pli kaj pli urba.

*X. R. I.*

[1] *bertso*: poemo

*Nicole Margot*

# *LINGVO SERĈAS SKRIBON*

## *Kolokvo pri la francprovenca lingvo*

### DE PAROLO AL SKRIBO

Tiel titoliĝis kolokvo okazinta la 1-an kaj 2-an de aprilo 2006 en la mezepoka sudlemana vilaĝo *Yvoire/Evère*. Tiu kolokvo integriĝis en la tutjara programo de la 700-jara jubileo de *Evère*. Ĝi ankaŭ estis etapo de la pripensado de internacia grupo, kiu kunvenas ekde kelkaj jaroj por pripensi komunan skribon por la francprovenca lingvo (vidu enkadritaĵon).



**La vilaĝa placo de *Yvoire/Evère***

Tiu dutaga kolokvo venigis altnivelajn kaj kompetentajn prelegantojn el diversaj lingvoj de Francio kaj de Svislando por rakonti siajn spertojn pri elekto de komuna ortografio. Ĉiuj el tiuj prelegoj titoliĝis "Skribi la …: de ellaboro al realigo" Ni aŭdis sinjoron *Guiu Sobiela-Caanitz*, doktoron pri lingvistiko, diplomitan de la universitato de Salzburgo kaj, nun loĝantan en la svisa kantono Grizono (vidu ***Etnismo*** 75. P. 12-16) paroli pri la romanĉa, sinjoron *Hervé Lebihan*, doktoron pri keltaj lingvoj, paroli pri la bretona, sinjoron *Jean-Claude Bouvier*, emeritan profesoron de provenca universitato, aŭtoron de lingva atlaso pri la provenca, trakti la okcitanan kaj sinjoron *Domique Stich*, doktoriĝintan en lingvistiko ĉe la universitato *Paris V – La Sorbonne*, rakonti pri la franca.

La partoprenantoj estis akceptitaj de la vilaĝestro de *Yvoire/Evère*, kaj de la prezidanto de AES (*Association des Enseignants de Savoyard*), sinjoro *Marc Bron*, kaj per oficiala parolado de la prezidanto de la Ĝenerala Konsilantaro de Alta Savojo.

Sinjoro *Alain Favre* malfermis la prelegaron parolante francprovence (li estis la sola, kiu prelegis en tiu lingvo) pri *L'héretâjo burgondo*, la "burgunda heredaĵo". Se tiu ĝermandevena popolo – nome la burgundoj – ŝajne apenaŭ kontribuis lingve al la konstruo de la francprovenca lingvo, ĝi kreis reĝejon, do politikan unuon, kiu diversforme kovris dum ses

### KELKAJ VORTOJ PRI LA FRANCPROVENCA LINGVO.

Lastajn jarojn ***Etnismo*** plurfoje informis pri la francprovenca lingvo. En la numero 65 p. 12-14 "La nuna situacio de la dialektoj en Romandio", "Pri la franciaj lingvoj ĝenerale… kaj la francprovenca lingvo speciale", kaj en la numero 68, p. 11-12, la francprovenca lingvo estis detale prezentita de *A. Favre*. La numero 74, p. 4-6, prezentas intervjuon de la prezidantino de la asocio de la piemontaj francprovencanoj.

Ni nur resumos ĉi tie dirante, ke la francprovenca (aŭ arpitana) estas gallo-romana lingvo situanta inter la ok-lingvo (okcitana) kaj la ojl-lingvo (franca kaj diversaj dialektoj) en tri ŝtatoj, Francio, Italio kaj Svislando. Tiu nomo « francprovenca » estis unuafoje uzita en 1872 de la itala lingvisto *Graziado Isaia Ascoli* (1829-1927), kiu konstatis la lingvan unuecon de diversaj dialektoj parolataj sur la geografia areo supre menciita. Tiu nomo malfeliĉe kreas konfuzon kun okcitana dialekto, la provenca, kaj erare kredigas, ke la francprovenca estas miksaĵo de la franca kaj de la okcitana. Tial kelkaj preferas la nomon -arpitana- (*arpitan* estas alplaboristo en la francprovenca). Tiu lingvo, kies ĉefaj urboj estas Ĝenevo kaj Liono (kie la francprovenca ne plu estas parolata, ĝi pluvivas ĉefe en kamparaj regionoj), neniam ĝuis pri politika unueco, almenaŭ ekde la malapero de la lasta burgunda reĝejo (ĉirkaŭ 1030). Tial la francprovenca estas forte disdialektiĝinta en sia prononco, kaj ankaŭ en sia skriba esprimo. Malgraŭ tio la francprovencaj parolantoj ekde kelkaj jardekoj konscias pri la unueco de sia lingvo, kaj pli kaj pli provas interkompreniĝi. Tiucele la Asocio de la Instruistoj de la Savoja (AES) invitis ĉiujn francprovencajn aktivulojn al unua kolokvo en *Thonon* (ankaŭ sudlemana savoja urbo), kaj tie grupo decidis regule kunveni por diskuti pri komuna skribo. Ĝi unue kunlaboris por krei unuecan fonetikan skribmanieron, kiu nun montriĝas nesufiĉa. Iom antaŭe la franca kaj svisa lingvisto *Dominique Stich* proponis superdialektan ortografion de tipo etimologia, kies lasta versio (ORB) estis prezentita en riĉa libro (2003). Lastjare aperis, en la poŝkolekto de la eldonejo *Assimil,* lernolibreto de la francprovenca (ĉefe pri la lingvo en la francia parto), kies skribsistemo larĝe inspiriĝas de tiu proponita de *D. Stich*.

jarcentoj la nunan «Francprovencion» kaj certe kreis senton de aparteno, kiu pluvivas tra la lingvo (sed ne nur) en iaspeca translima regiono de la okcidentaj Alpoj.
Krom la prelegoj supre menciitaj indas raporti pri la videoprezento de la asocio *Arpitania*, "Kiu skribo por la francprovenca?". Ĝin kreis sinjoro *Eric Verney*, el Savojo, sed laboranta en la universitato de *Saint-Etienne*. Tiu bone pripensita video-muntaĵo demonstris la avantaĝon por lingvo havi unuecan superdialektan ortografion kompare kun fonetika.
Dimanĉe posttagmeze la Internacia Laborgrupo pri la skribo de la francprovenca publike kunsidis sub la gvidado de sinjoro *Marc Bron*. Oni bilancis, kion ĉiu prelego alportis al la grupo, kaj decidis pri venonta kunlaboro. Por bone kompreni kelkajn malfaciloĵojn koncerne la laboron de la grupo, necesas diri, ke francprovencanoj estas pli malpli dividitaj laŭ du starpunktoj: la unua favoras fonetikan skribmanieron, kiel tiujn de *Conflans* (savoja) kaj de BREL (aostvala); la dua proponas pli etimologiajn skribmanierojn, kiel en la vortaroj de *Duboux-Genton* (vaŭda), de *Cerlogne* (aostvala) kaj nun de *Stich* (superdialekta). Alia problemo: pluraj tutsimple ne deziras komunan ortografion timante, ke tio perdigu la orginalecon kaj aŭtentecon de ĉiu dialekto. Malfacilas trovi komunan vojon, sciante ke la francprovencanoj ne estas sufiĉe fortaj por permesi al si interbatalojn.




**KIE LA FRANCPROVENCANOJ RENKONTIĜAS?**
En popolaj festoj organizitaj ĉiujare en iu aŭ alia regiono, en la kunsidoj de Federacio Romanda kaj Interregiona, kiu naskiĝis en Svislando, kaj poste malfermiĝis al Aosta Valo, Piemonto kaj Savojo. La francprovencanoj el la Liona regiono, ne delonge organizitaj, ankoraŭ ne estas integritaj en tiu federacio, kies strukturoj ne plu respondas al la nuntempo, sed kiu estas la sola loko, kie plej multe da francprovencanoj renkontiĝas. La kunsidinta internacia laborgrupo decidis, ke ĉiuj okazoj renkontiĝi gravas, sed ĝi deziras iri pli antaŭen kaj, laŭ la iniciativo de *Ornella de Paoli*, prezidantino de *EFFEPI*, asocio de la francprovencanoj el Piemonto, planas krei iun internacian instituton, kies celo ankoraŭ ne precizas. Ili decidis studi la superdialektajn skribmanierojn proponatajn en la vortaro de *D. Stich* kaj en la *Assimil*-lernolibro ĵus aperinta.
Entute la ekzemploj de aliaj lingvoj, por kiuj konstruiĝis komuna(j) ortografio(j), antaŭenigis la debaton inter la francprovencanoj, kaj la ĉeesto de prelegantoj el aliaj endanĝerigitaj lingvokomunumoj kreis spiriton de solidareco tre pozitivan.

*N. M.*

---

***Vincent Augustin***[1]

# LA RAETOROMANĈA NUNTEMPE

*La aŭtoro aplikas per originala komparo nocion el la merkatika scienco al la situacio de la raetoromanĉa kaj samtempe priskribas klarvide ties hodiaŭajn problemojn kaj la staton de la planlingvo grizona romanĉa (rumantsch grischun).*

Kiel konate la raetoromanĉa[2] estas nia kvara oficiala lingvo. Apenaŭ 70.000 parolantoj konsistigas ĉi tiun plej malgrandan etnolingvan minoritaton en Svisio.
*Unique selling proposition* (la unika vendargumento) sonas en si mem promesplena. Kiu estas la rilato inter la moderna formulo el la angla mondolingvo kaj la raetoromanĉa, kiu estas minoritata lingvo minacata de estingiĝo? Ekzistas multaj rilatoj – bedaŭrinde (preskaŭ) neniu rimarkas ilin. Minoritatoj plej ofte ĝuas minoritatan favoron. Tio estas bona, minoritatoj bezonas subtenon kaj solidaron, tio estas la filozofio de nia Konfederacio. Estiĝas la demando kiamaniere la raetoromanĉa minoritato profitu de sia minoritata favoro. La merkatika scienco rapide donas al ni respondon – serĉi la merkatan niĉon kaj trovi ĝin, profiti de la unikeco kaj kompreni ĝin kiel ŝancon, do : « La raetoromanĉa – unika vendargumento! » Sen aroganteco la raetoromanĉoj devus esti pli konsciaj de sia unikeco, kaj enigi tion per sana memfido en produktojn kaj servojn de la regiono, kiel okazas ie kaj tie kun sukceso. En la konkurenco kun pli potencaj partneroj la etuloj ne havas ŝancon!
Imagante ĉi tiun scenaron oni ne faru al si iluziojn. Tute ne estas tiel ke la raetoromanĉoj vivas en siaj Alpaj valoj kiel en rezervejo. Tion ili ne alstrebas. Ĉiuj raetoromanĉoj, virinoj kaj viroj, estas dulingvaj:

raetoromanĉa/germana. Tio estas ĉie manifesta, en la lernejo, en la profesio kaj en la publika vivo. Ekzemple la raetoromanĉa lernejo estas probable unu el la plej malnovaj dulingvaj lernejmodeloj entute. La avantaĝoj de la dulingveco estas evidentaj, kvankam kontraŭaj antaŭjuĝoj obstine persistas. Ankaŭ en tio validas: vidi la dulingvecon kiel ŝancon, ne kiel ĝenon.


Arthur Baur

La Retoromanĉa

Historio kaj nuntempo
de la kvara nacia lingvo
de Svislando

Tria eldono aktualigita kaj ampleksigita
"Hans Dubois"
Bellinzona (Svislando)
1995

Malfacilige aldoniĝas ke la raetoromanĉa dividiĝas en kvin regionaj idiomoj, ĝis nun instruataj skriblingvoj en la lernejo. En ĉi tiu heterogena medio estas malfacile starigi tut-raetoromanĉan identecon. La mankon de propra skriblingvo oni sentis ek de la momento kiam la raetoromanĉa lingvo akiris signifon ekster la malvasta regiona areo.

Inter 1800 kaj 1960 fiaskis tri provoj de super-regiona skriblingvo raetoromanĉa. En la jaro 1982 la *Lia Rumantscha* (LR, tegmenta organizo de ĉiuj raetoromanĉaj organizoj lingvaj kaj kulturaj) komisiis la zurikan latinidiston *Heinrich Schmid* krei gvidliniojn por la ellaboro de la superregiona skriblingvo *Rumantsch Grischun* (rumanĉgriŝun = grizona romanĉa). Hodiaŭ – post apenaŭ kvaronjarcento – la ankoraŭ juna lingvo troviĝas antaŭ enkonduko kiel lerneja lingvo en unuaj elprovaj projektoj. La normigo de lingvoj de kelkaj jardekoj estas signifa branĉo de la lingvistiko – ankaŭ en eŭropa konekso – dum la lingvouzo en la ĉiutaga vivo konsistigas esencan parton de la socilingvistiko. La LR dekomence sin apogis en sia lingvoplanado sur la science elprovitaj metodoj kaj proceduj de la moderna lingvoplanado kaj per tio provas kiel eble plej bone kontentigi la diversajn postulojn al ĝi direktitajn.

La lingva koncepto de la grizona romanĉa pruviĝis en la praktika apliko. La superregiona skriblingvo intertempe evoluigis fortan propran dinamikon kaj akiris signifon ankaŭ en kulturaj sferoj kiel literaturo, gazetaro, muziko kaj teatro. Iom pli malfacile formiĝas la klopodoj trovi larĝan akcepton en la diversaj raetoromanĉaj valoj. Malgraŭ ĉiuj evidentaj avantaĝoj ekzistas kelkaj skeptikoj kaj timoj rilate la grizonan romanĉan.

« Tiu kiu konstruas pontojn, havas abismojn kontraŭ si. Ili sentas sin neglektataj », trafe karakterizas *Hans Kaspar* la problemaron koncerne la grizonan romanĉan. Ĝis la definitiva « unika vendargumento » la vojo estas ankoraŭ longa. Ĝojige estas ke ni iras en la bonan direkton.

Notoj:

[1] *Vincent Augustin* estas la nova prezidanto de la *Lia Rumantscha*. La artikolo aperis sub la titolo « La romanĉa – unika vendargumento » en « St.Galler Tagblatt », 16-4-2005.

[2] Laŭ konsilo de *Arthur Baur* mi uzas la formon « raetoromanĉa »* kaj ne « reti-romanĉa » (komparu PIV), kiu rilatas pli speciale al la regiono de la iama historia Raetio (ampleksanta la italajn regionojn Friulo kaj Dolomitoj) kaj ne al la hodiaŭa Grizono (komparu A: *rhaeto-romanic*, F: *rhéto-roman*, G: *rätoromanisch.*

Tiu artikolo tradukita de *Richard Schnell*er aperis en decembro 2005 en SES-informas.

*Ni modifis la elementon /ret/ al /raet/, laŭ la uzo jam adoptita en ĉi tiu revuo.

# KONCIZE EL...

**ITALIO. La okcitana himno kantata dum la olimpia malfermo**. La 9-an de februaro 2006 gazetara komunikaĵo de *Chambradoc* anoncis: "Ĉio pri Okcitanio kaj pri la retejo de la *Chambra d'òc"* : www.chambradoc.it. Alia komunikaĵo parolis pri kunveno okazinta la antaŭan dimanĉon. La torina provinco kaj la municipo *Bardonecchia* tiam akceptis la olimpikan flamon kun bela ceremonio pri transdono de la okcitana standardo fare de la urbestro de *Guardia Piemontese*, okcitanlingva komunumo en la provinco de *Cosenza* (Kalabrio) al la urbestro de *Bardonecchia*. Dum la levo de la standardo densa publiko, sub la direkto de *Sergio Berando*, gvidanto de *Lou Dalfin*, ekkantis la himnon *Se Chanta*, simbolo de la okcitana lingvo.

Por la sekva dimanĉo, estis anoncita "konferenco pri prezento de la regionaj lingvoj rilate la uzon de la standardoj en la lingvaj komunumoj okcitanaj, francprovencaj kaj valzeraj".

Tiu konferenco okazis proksime de la municipo *Salbertrand*. Ĉeestis reprezentantoj el la komunumoj de la trilingvaj minoritatoj: *Giacomo Lombardo*, urb(vilaĝ)stro de *Ostana*, *Adriano Sgarbanti*, urb(vilaĝ)estro di *Usseaux*, *Marco Rey*, asesoro pri kulturo de *Giaglione*, *Filippo Cigala Fulgosi*, vicurbestro de *Oravasso*, kaj *Bruna Sibille,* regiona

asesoro pri montaro. La asesoro pri kulturo de la provinco de Torino *Valter Giuliano*, la prezidanto de UNCEM *Lido Riba*. La konferenco estis sekvata de ceremonio pri transdono de la okcitana standardo fare de la urbestro de *Bardonecchia* al la urbestro de *Salbertrand*. Koncerto de la muzika grupo de *Salbertrand* kaj spektaklo de la teatra grupo de *Angrogne*: "*E mi canto - Montagne in libertà*", konkludos tiun tagon nomitan "Landlimoj kaj Minoritatoj", manifestacio enŝovita en la oficiala kalendaro de la Olimpikoj de la Kulturoj.

*Chambradoc*

**ALĜERIO. La alĝeria ŝtato decidis fermi 42 lernejajn klasojn, ĉar tiuj ne instruis la solan lingvon permesitan: la araban.** Tiu politiko kontraŭ "lingva deviigo", kiel nomas ĝin la aŭtoritatoj, povus konduki al fino de la instruado de la franca kaj forpreni al la berbera ĉiujn ŝancojn foje eniri la lernejojn. "*Ĉiu privata institucio, kiu ne donas absolutan prioritaton al la araba lingvo, devos malaperi.*" La arabigo de Alĝerio estus do prioritato, pli grava ol la loĝada problemo kaj la ekonomia evoluigo. Por la franclingva gazeto *Le Figaro,* la privata instruado reprezentis centon da lernejaj establoj kun 25.000 lernantoj en la lando. Iuj gepatroj profitis tiujn privatajn lernejojn por eskapi arabigon de la edukado. Tio kaŭzis la sukceson de tiuj lernejoj en berbera regiono kiel Kabilio. Laŭ *Arezki Aït-Larbi*, aŭtoro de tiu artikolo, la islamisma movado konservema, politike tre influa, instigas al restaŭro de lernejsistemo "aŭtente arabo-islamisma". Jen kio remalfermas la dolorigan lingvan dosieron.

El *reski.net*

***Alain Favre***

# LITERATURO

## POEMO EL LA TAMAZIĤTA

*Muhend Said* el la tribo *Ajt Melikeŝ* (Kabilio), « princo de la poetoj », vivis dum la deknaŭa jarcento, kiam la francoj konkeradis Alĝerion. Pli ol multaj aliaj la kabiloj rezistis kaj poste plurfoje ribelis . Sed la armeo de Generalo *Bugeaud* estis la pli forta. Ni publikigas ĉi sube kun traduko tri strofojn el la poemo « neegala lukto », kiu ĝuste temas pri tiu obstina rezisto. Ironie nuntempe la defendantoj de la franclingva kaj tamaziĥta kulturoj (kiuj ambaŭ koncernas plurajn milionojn da alĝerianoj) batalas kune por ke lando, kiu neniam estis nur « arab-islama », tia ne fariĝu (vidu la rubrikon *Koncize el...* supre).

### *Ma neqqim akk' ur nerbiḥ*

*Ibda Ibaṛud iṭṭinṭiḥ*
*ṛṛṣaṣ la iqelleb d aqlab*
*Assenni win ur nejriḥ*
*d Awannuγ γas ad isab*

*Ay amneγ d-iffγen d umliḥ*
*amalah teγliḑ a ccbab*
*Amzun d lmesk ay geṭriḥ*
*ta […] l-lfeṭṭa wweksab*
*Ahat di lğennet iṭmerriḥ*
*ad fellas izzef laatab*

*Neqqel deg gifg ik isriḥ*
*a ttiṛ m' atzerbeḑ d-azrab*
*Sidi Aali siwel ay ucbiḥ*
*nekwni yides nemmiγṣab*
*A Ṛebbi fk aneγ ttesriḥ*
*ad-d izzi useggwas nsab*

### Neegala lukto (strofoj 6 ĝis 8)

Pulvo krakis
Kugloj mortfaligis
La solaj kiuj eskapis tiutage
Estas la ŭenugoj* ili povas fuĝi nun

Militisto distingiĝis
Ve la bela junulo falis
Li havis moskan parfumon
Arĝentan rebrilon
Nun li estas en Paradizo
For de ĉia zorgo

Ekflugu kaj ŝvebu
Birdo ĉu vi hastos
Voku la belan *Ali***
Kontraŭ la francoj ni akre batalas
Dio vivigu nin plu
Unu jaron, ke ni reiru militen

(Eltiraĵo el la libro *Poèmes kabyles anciens* de *Mouloud Mammeri*, eld. *François Maspero,* Parizo, 1980)

* loĝantoj de monteta regiono de Kabilio
** fama fidoza kaj fidinda kuzo de la Profeto

*A. F*

# LETERO DE LEGANTO

## BALTAJ LANDOJ - SOVETIO - RUSIO

*Ni ricevis tiun ĉi leteron de S-ro* ***Sergei Paĥomov*** *responde al la artikolo de D-ro Aloyzas Gudavičius, aperinta lastnumere. Sekvas la respondo de nia prezidanto kaj se vi sentas vin koncernata de la temo, ne hezitu skribi al la redaktejo.*

Saluton!

En la n-ro 77 de ***Etnismo*** estas artikolo titolita: "Etna situacio kaj etnaj liberecoj en Litovio". La aŭtoro skribas: "Dum 50 jaroj soveta reĝimo penegis krei novan popolon - la sovetan - kaj novan homon - la sovetan...", "Ilia granda nombro (sovetaj enmigrintoj) jam ege minacis la lokajn kulturon kaj lingvon, do latvoj kaj estonoj devis agi por defendi ankaŭ sian rajton resti latvoj kaj estonoj kaj paroli sian lingvon".

Multaj eks-sovetiaj etnanoj plendas pri tio, tamen multaj el ili scias ke, pro kreado de tiu soveta homo, verŝajne rusoj plej multe perdis. Ekmemoru ke Sovetunio konsistis el 15 respublikoj: 14 sovetaj socialistaj respublikoj: Litova, Ukraina, Kartvela, Kirgiza respublikoj ktp. kaj nur 1 respubliko havis kiel nomon: “Rosia” Soveta Federacio Socialista.

Unue, por rusoj, la vortoj -Rosio- kaj -Rusio- ne estas la samaj. Rusoj nomas sin *russkij* sed sian landegon *Rossija*, kiam temas pri Rusia Federacio. Sed kiam rusoj deziras substreki ion historian, ion aparte rusan, ili diras *Rusj*. Necesas diri ke ekzistis antikva ŝtato *Kieva Rusj*, kaj ĝuste el ĝi aperis tri slavaj landoj: Belorusio, Ukrainio kaj Rusio mem. Do kiam ekzemple nia prezidento diras: estimataj “Rosianoj” tio signifas -Rusianoj- do temas pri ĉiuj nacioj kaj etnoj de Rusio (Rosia Federacio), sed se iu diras: *Ruskije aŭ Ruskij narod'*, do temas nur pri rusoj, rusa popolo.

Per ĉi tiu teksto mi volas diri ke ni, rusoj, ne havis kaj ne havas en la nomo de nia respubliko la mencion -Rusa-, kiel ekzemple Ĉeĥa Respubliko, Franca Respubliko. Eksterlandanoj opinias ke rusoj subpremas aliajn etnojn de Rusio. Tamen paradokse ni, rusoj ne havis kaj ne havas apartan rusan respublikon! Ĉiu nacia respubliko havas sian ĉefurbon, Rusoj ne. Vi diros: Moskvo! Sed Moskvo estis kaj estas komuna centra ĉefurbo por la tuta federacio. En la jaro 1917 okazis komunista revolucio en Rusio, kaj ĝiajn gvidantojn estis plejparte nerusaj. Plej multaj el la familinomoj de la ĉefaj revoluciuloj estis ne rusaj: *Lenin*, *Stalin (Ĝugaŝvili), Trockij (Bronŝtejn), Bluĥer, Lazo, Tuĥaĉevskij, Dzerĵinskij, Kosior, Lacis, Krĵiĵanovskij, Frunze, Bauman* ktp.

Post la revolucio en Sovetio la plej ekstermata, en militoj kaj en koncentrejoj, ĝuste estis la rusa popolo. Estis arktaj kaj aliaj minoritatoj, kies etnanojn oni eĉ ne uzis por militoj, ĉu por konservi ilin, ĉu pro alia kialo. Do, mi turnu min al la komenco de mia letero.

Ĉu en nuntempaj demokratiaj Eŭropuniaj landoj, kiel Latvio kaj Estonio, rusoj kaj aliaj etnoj rajtas resti rusoj, alietnanoj, aŭ ili nur devas esti ne-latvoj, ne-estonoj? Ĉu ekzistas en Francio homoj kun pasportoj kie menciitas "necivitano"? Mi ne pravigas homojn kiuj ne interesiĝis pri la loka lingvo, kiam estis tia sistemo. Sed se por pli aĝaj homoj estas efektive komplike studi lokan lingvon tamen ja iliaj gefiloj kaj genepoj parolos kaj parolas pli volonte la lokan lingvon ĉar tio necesas por la vivo en tiu lando, lando, kie ili ja naskiĝis!

Antaŭ nelonge en la televido mi aŭdis ke unu latviano (latvia ruso) turnis sin al juĝejo. Li ne deziras ke lia nomo estu skribita latve kun finaĵoj -s, ekzemple *Leonids Zubarins* anstataŭ *Leonid Zubarin*. En Torinaj Olimpikoj ludis multaj rusaj hokeistoj, kiuj havas tiujn finaĵojn. La sama okazas en Litovio.

Tiel oni latvigas kaj litovigas aliajn etnanojn kiuj deziras resti rusoj, poloj, ktp. Antaŭ nelonge latvoj, estonoj kaj aliaj devis agi por defendi sian rajton, resti latvoj, estonoj ktp., nun tiuj samaj rifuzas tiun rajton al aliaj minoritatoj kies sorto estas loĝi kaj naskiĝi en tiuj sendependiĝintaj landoj. *S .P.*

### Respondo de Daniele Vitali

Post la Oktobra Revolucio komenciĝis sur la teritorio de la eksa Rusa Imperio nova fazo, kun la t.n. "leninisma naciec-politiko" *(leninskaja nacional'naja politika)*, kiu donis eksterordinarajn rezultojn. Anstataŭ nur trudi la rusan al siaj multnombraj popoloj kiel faris la cara reĝimo, la nova bolŝevika Sovetunio deklaris egalecon de ĉiuj popoloj: la ideo estis ke, laŭ la principoj de proleta internaciismo, neniu nacieco superregu la aliajn, kaj ĉiu estu edukita al la novaj socialismaj principoj en la propra lingvo. Ĉar la plejparto el tiuj lingvoj ne havis certan skriban normon, oni sendis etnologojn kaj lingvistojn al la plej foraj anguloj de la ŝtatego por ke ili studu la diversajn lingvojn kaj elektu referencan dialekton, gramatikajn regulojn, alfabeton. Tiel ekskribiĝis dekoj da lingvoj, kaj kun sincera elano la lokaj povoj atingis rimarkindajn rezultojn en tio, kion oni nomas *inženernaja lingvistika* ("lingva inĝenierio"): ekzemple en Azerbajĝana SSR oni anstataŭis la tradician araban skribon, kiu ne taŭgis por tjurka lingvo, pere de la nova latineca skribo adoptita en Turkio. Baldaŭ tiun ekzemplon sekvis aliaj tjurkaj popoloj. En tiu periodo oni decidis ke USSR ne havu oficialan lingvon, kaj la rusa estis konsiderata nur *jazyk meždunarodnogo obščenija* ("lingvo de inter-

genta komunikado"), same kiel la plej granda el la 15 Sovetaj Socialismaj Respublikoj nomiĝis ne *Russkaj*a sed *Rossijskaja Sovetskaja Federativnaja Socialističeskaja Respublika* (t.e. ne "Rusa" sed "Rusia Soveta Federacia Socialisma Respubliko"). Tiu RSFSR estis la sola sen propra himno kaj propra flago.
Ĉio ĉi tamen ne signifas, ke Rusio oferis sian identecon al Sovetunio kaj ke la nova soveta homo, kiu neniam aperis, devintus havi nenion rusan. RSFR ne bezonis apartajn himnon kaj flagon, ĉar por ĝi jam sufiĉis tiuj de USSR kiu ja identiĝis kun iu Rusio ĉirkaŭata de nur ŝajne aŭtonomia periferio. Jam la fakto ke la rusa estis lingvo de intergenta komunikado montras ke ĉiu aspekto de la kulturpolitika vivo de USSR estis organizita ĉirkaŭ la rusaj lingvo kaj kulturo: dum ĉiuj popoloj intensive lernis la rusan lingvon, la solan uzeblan ekster sia aŭtonomia respubliko aŭ regiono, rusoj senditaj al la minoritataj zonoj ne devis lerni ion alian, ĉar la rusa estis la sola lingvo de la labora kaj politika kariero. Dum la periodo de *Stalin* ĉiuj principoj de la leninisma naciec-politiko estis ĉu oficiale renversitaj ĉu fakte malplenigitaj je ajna senco: la ĵus latinigitaj alfabetoj devis ciriliĝi por ke ĉiuj lingvoj povu pli facile asimili rusajn pruntvortojn, pluraj popoloj estis deportitaj al Siberio en ŝarĝotrajnoj kaj multegaj homoj mortis dum la transporto ekzakte kiel la judoj en naziisma Germanio, kaj la tirano organizis planitan malsaton en Ukrainio por malaltigi la kvanton de la dua plej multnombra popolo post la rusoj. Ĉu tiujn homojn kiuj malsatmortis skelete interesas la fakto, ke *Stalin* ne estis etna ruso, sed kartvelo? Lia grandimperia kredo estis ke en la estonteco la tuta mondo fariĝos socialisma, unulingva kaj unukultura, kaj tiuj lingvo kaj kulturo de la estonteco estos kompreneble la rusaj.
Ja poste sekvis *Hruščëv*, sub kies regado rehejmiĝis multaj deportitaj popoloj, interalie la *noĥĉoj* (= ĉeĉenoj), kaj la aliaj almenaŭ rehabilitiĝis, ekz. Volg-germanoj, krime-tataroj kaj mesĥoj, sed poste alvenis *Brežnev,* kiu rekomencis la procezon de rusigado en la tuta lando, montrante ke neniu popolo havas garantiitan estontecon dum daŭros la unuideologia diktaturo. Kompreneble la senfinaj tragedioj de la sovetia reĝimo malutilis al ĉiuj popoloj de eksa USSR, komencante per la rusoj kiuj loĝas nun en la plej granda ŝtato de la mondo kaj tamen havas nur eron el la geopolitika potenco, kiun ili povus havi konsiderante la dimensiojn kaj naturajn riĉaĵojn de Rusio, kompreneble la supre diritaj hororaĵoj ne estas kulpo de la rusa popolo sed de la sovetiaj gvidantoj, sed ĉu ne estas la momento por ŝanĝi radikale sian pensmanieron, por rezigni geopolitikan grandecon kaj plendadon pri recevitaj maljustaĵoj kaj labori favore al demokratia Rusio, kie oni serioze kaj objektive studas la pasintecon kaj samtempe konstruas estontecon en kiu ĉiuj popoloj, inkluzive de la noĥĉoj, ĝuu siajn homajn rajtojn, sian rajton je memregado kaj memadminsistrado, kaj pace kunlaboru en la monda internacia kadro? *D.V.*

---



## – INFORMILO 58

**INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ**
Honora prezidanto:
Uwe Joachim Moritz

### POLA RADIO TRE POZITIVE MENCIAS IKEL KAJ *ETNISMO*

Iu el la plej reliefaj helpiloj por ekkoni kaj kompreni la ĉirkaŭantan nin mondon en la E-komunumo estas por mi IKEL [Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj] kaj ĝia organo ***Etnismo***. Kiel informas ĝia lasta numero, la Vilna IKEL-membrokunveno fariĝis ankaŭ la okazo por emfazi apartajn dankojn al *Uwe Joachim Moritz*, kiel skribis en sia dankletero la nuna prezidanto *Daniele Vitali* – patro de ambaŭ iniciatoj". (Sekvas longa citaĵo de la letero de *Daniele Vitali* al nia honora prezidanto, kiun vi povas legi en ***Etnismo*** 77, p. 19, titolita: Dankon Uwe!)
"Certe ampleksa citaĵo, sed mi kredas ke absolute pravigita pro la graveco de tiu laboro, pro la aktualeco de la defioj de *Uwe Joachim Moritz* kaj liaj kunlaborantoj kaj sekvantoj. En la lasta ***Etnismo*** ne temas sole pri tiu ĉi unusola referenco al la lasta UK – ĉar ĝi raportas ankaŭ pri la trapaso de la tuta membrokunsido, kaj ankaŭ aperigas prelegon prezentitan en Vilno, kiel laŭ *Aloyzas Gudaviĉius* aspektas la etna situacio kaj etnaj liberecoj en Litovio. Samnumere ni trovas krome plenmanon da kontribuoj pri endanĝerigitaj popoloj en tiu denove enorme interesa numero de IKEL-gazeto".
La aŭtoro listigas la enhavon de la lasta numero de ***Etnismo***, kiun li taksas « denove enorme interesa».

### SUBTENA LETERO AL ARAGONA MANIFESTACIO

Sant Cugat del Vallès, la 25-an de februaro 2006

Karaj,
Nia asocio, la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL), agas por la egalrajteco de ĉiuj popoloj. Tial ni sekvas kun granda intereso ĉiujn okazaĵojn por la renormaliĝo de la uzado de la aragona lingvo, kaj kun ĝojo aliĝas al la manifesto

por la unueco de la aragona lingvo kaj salutas ĝian venontan 2-an Kongreson.
Ĉio ĉi evidentigas kreskantan forton de la por-aragona movado, kaj la akceptadon de la aragona lingvo fare de pli kaj pli larĝaj tavoloj de la aragona popolo, ne nur kiel parto de kultura heredaĵo, sed kiel plia esenca elemento de ĉi tiu popolo, kaj vojo al konstruo de egal-rajta estonteco, moderna, sen diskriminacioj, paca kaj kulture diversa.
La protektado de etna, kultura kaj lingva diversecoj estas esenca tasko de nia Komitato, kiu regule aperigas novaĵojn pri Aragono en sia revuo ***Etnismo***.
La pliviglîgo de aŭtentika diverseco, plene egal-rajta kaj kun plena egal-valorigo de ĉiuj etnoj kaj lingvoj, sendepende de la kvanto de iliaj anoj kaj de ilia materia bonhavo, estas por ni ne nur afero de justeco, sed ankaŭ de kontraŭstaro al ekstreme danĝeraj simpligo de la mondo kaj kripligo de penskapablo fare de tiuj, kiuj pretendas unuformigi la planedon more, lingve, kulture kaj ideologie, por ĝin pli bone regi.
Tial ni tutkore esprimas nian amikecon kaj solidarecon kun via agado.
Antaŭen!
Sincere salutas, *Hèctor Alòs i Font*

## IKEL EN ESPERANTIO

Dum la lasta Universala Kongreso en Vilno, IKEL havis la okazon prezentiĝi inter la fakasocioj de UEA kaj ankaŭ malfermi debaton, post sia propra fakkunveno, kun nemembroj. Leviĝis la demando, ĉu en Esperantio estas asocioj aŭ ideoj kun kiuj IKEL povus kunlabori, ĉu en Esperantio estas aliaj medioj, kiuj sekvas similajn celojn kiel tiuj de IKEL. En privata diskuto membro de IKEL eĉ demandis ĉu Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj ne estas senutila duoblaĵo, alidirite ĉu ne estas aliaj asocioj, kiuj ankaŭ defendas minoritatajn popolojn?
Interesa demando, kiu ebligas pli profundiĝi en la temo pri la utilo de nia asocio? Dum la debato post nia fakkunsido Francisko *Simonet*, la prezidanto kaj kreanto de Libero Por la Lingvoj (LPL) petis la parolrajton por prezenti sian asocion. Tiu asocio, kreita en julio 2004, en la elano de la Tutmonda Socia Forumo (TSF) en Porto Alegre (kaj ĝiaj alinaciaj kaj alikontinentaj idoj), kies celoj foje kongruas kun tiuj de IKEL, inter alie: "**konsento (agnosko) de egala respekto inter ĉiuj popoloj, kulturoj kaj lingvoj**. En sia statuto LPL precizigas sian vidpunkton koncerne la lingvojn: "**estas rajto de ĉiu homo sin esprimi estante komprenata kaj kompreni tion, kion oni al li diras (aŭ kion li diras), per lingvo de la propra gento aŭ regno. Estas rajto de ĉiu gento kaj de ĉiu regno libere uzadi sian propran lingvon kaj postuli por tiu lingvo tian saman respektadon kiel por la tiel nomataj lingvoj "grandaj**" **sen altrudo de lingvo fremda perforte aŭ per uzo de pli subtilaj formoj de premado".** Du punktoj el tiuj du eltiraĵoj proksimas la celojn de IKEL, "respekto inter ĉiuj popoloj" kaj "rajto de ĉiu gento libere uzadi sian lingvon". Plian parencecon inter la du asocioj kaj TSF ni trovas en la Deklaracio por Etnista Humanismo, kie IKEL iom ligas la respekton de la naturo al tiu de popoloj. Sed IKEL iras pli for ol simpla respekto de popoloj. Ĝi "**bazas sian agadon sur la principo de suvereneco de ĉiu etno en la kadro de tuthomara solidareco**" (statuto 2.1). La prezidanto de LPL tuj distanciĝis de tiu nocio de suvereneco.
Dum la pasinta UK mi ankaŭ havis la okazon viziti la kunvenon de Asocio de Verdulaj Esperantistoj (AVE). Kaj inter iliaj valoroj oni trovas iun rifuzon de perforto, kaj pro tiu aspiro al paco kaj iu agado por senperforte solvi konfliktojn, AVE montras iun sentemon al premoj de iuj popoloj fare de aliaj pli potencaj.
Pli proksimaj al niaj celoj certe estas la deklaracio de UEA pri indiĝenaj popoloj. En ĝi ni povas unue legi: "La parolantoj de la internacia plan-lingvo Esperanto **subtenas ĉiujn provojn de la indiĝenaj popoloj revalorigi sian lingvon kaj sian kulturon,** ĉar ili opinias, ke ĉiuj lingvoj kaj ĉiuj kulturoj havas en si valorojn, kiujn la homaro ne perdu. Krome ni opinias, ke oni devas respekti je ĉiu nivelo la lingvajn homajn rajtojn, garantiatajn de la Deklaro pri Homaj Rajtoj." Ni retrovas proksimume la saman ideon de rajto al propra lingvo kaj kulturo, kiel LPL. Tio tute normalas ĉar UEA estas lingvo-kultura asocio, kiu certe pli engaĝiĝas ol antaŭe por la kultura diverseco kaj por la Homaj Rajtoj.
"Ni pensas ke ĉiuj devus apliki ĉie en la mondo la principon de la uzado de tri lingvoj rekomenditan de Unesko kaj UN:
- gepatra lingvo (kiom ajn malgranda ĝi estas) - loka kontakt-lingvo (ĝenerale la nacia lingvo) - internacia lingvo".
La pozicio de IKEL estas sufiĉe malsimila unue pro ĝia historio. Ĝi estis kreita de homoj politike kaj internacie engaĝitaj por **la rajto de popoloj mem-decidi sian politikan sorton.** Ĉar tiuj homoj, esperantistoj, konstatis la malefikon kaj la diskriminaciigon de la uzo de naciaj lingvoj, kiel la angla, aŭ tiutempe la franca, ili decidis uzi kiel laborlingvon la internacian lingvon Esperanto. Kvankam la celoj de IKEL estas aperte politikaj IKEL restas "tamen sendependa de kiu ajn partipolitika aŭ religia ideologio." IKEL ne nur subtenas la aŭtonomiiĝemon de la popoloj konsideritaj kiel indiĝenaj aŭ aŭtoktonaj, sed tiun de ĉiuj senŝtataj popoloj. Ofte, ne aparte en la menciitaj

asocioj sed ankaŭ ekster Esperantio, oni evidentigas la rajtojn de indiĝenaj popoloj, akceptante foje ke propra etno estu premata de granda ŝtato. Ĉu la lukto de eŭropaj etnoj senŝtataj, kiel okcitanoj aŭ frisoj, ne similas tiun de la indiĝenaj popoloj? Ĉu la eŭskoj, la okcitanoj aŭ la francprovencanoj ne estas “indiĝenoj”? Kompreneble tiuj ĵus cititaj popoloj ne restis sen kontaktoj kun la resto de la mondo dum miloj da jaroj. Tie kuŝas la ĉefa diferenco. Sed krom tio, okcitanoj batalas por sia malaperanta lingvo same kiel amazoniaj indianoj, francprovencanoj laboras por retrovi sian kulturon same kiel “integrita” indiano revenas al sia kulturo ktp.

Ni revenu je la komenca demando: ĉu IKEL ne estas senutila duoblaĵo fronte al aliaj asocioj, kiuj defendas la rajton de ĉiu paroli sian lingvon? La supraj komparoj evidentigas, ke ne, ke IKEL havas sian specifon: Ĝi subtenas la rajton de ĉiu popolo pri memdecido, kaj ĝi subtenas popolon, ne nur lingvon. Krome, kiam oni konscias pri propra etno, kaj luktas por ĝin rekonigi, oni eble pli bone (de interne, laŭ propra sperto) komprenas alies popolbatalojn, interalie tiujn de la indiĝenaj popoloj. Estas, laŭ mi, iu egaleco en tiu kompreno, iu vera interhoma solidareco.

Tiu konstato kompreneble ne signifas, ke aliaj agadoj, kiel la supre menciitaj ne respektindas je la okuloj de IKEL-anoj kaj ne povu trovi eĥon ĉe ili kaj veki emon al kunlaboro. *N.M.*

## KUNVOKO DE LA IKEL-FAKKUNSIDO

Ĉiuj **IKEL**-membroj kaj ĉiuj partoprenantoj en la 91-a Universala Kongreso de Esperanto en Florenco (Italio) estas invititaj al la **IKEL**-fakkunsido.

Programo: Referaĵo pri “La lingva situacio en Italio: historiaj minoritatoj, lingvoj, dialektoj, aŭtonomioj, enmigrintoj”. Sekvos debato.

## KUNVOKO DE LA IKEL-MEMBROKUNSIDO

Ĉiuj **IKEL**-membroj estas invititaj partopreni en nia membrokunsido, kiu okazos dum la 91-a Universala Kongreso de Esperanto en Florenco (Italio) fine de julio 2006. Provizora tagordo:

1. Agadraporto koncerne la pasintan jaron.
2. Kontoj koncerne la pasintan jaron.
3. Diskuto pri la estontaj agadoj de **IKEL.**

***Daniele Vitali***, prezidanto

**Informilo pri etnaj problemoj**
La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Aparta jarabono (normale: 2 aŭ 3 kajeroj de sume 36 paĝoj) kostas 10.00 €. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5.00 € (inkluzive afrankon). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

## ESTRARO:

**PREZIDANTO: Daniele VITALI** (padiano),
6-12 rue du Fort Wallis, L-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg
tel: xx 352 48 94 24, retadreso: ikel@uea.org
TTT-ejo: http://www.geocities.com/ikeldv
**VICPREZIDANTINO KAJ REDAKTORINO**:
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel xx 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch
**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
1062 postakutxa,
20080 Donostia, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net
**KASISTINO: Ursula SCHNELLE-MORITZ** (platdiĉino)
Marsweg 5, D-26209 Sandhatten, tel: xx49-4482-97225
**KUNREDAKTORO: Alain FAVRE** (savojano), Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171, F-74140 Chens-sur-Léman
tel: xx 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com
**GEESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), av. Pla del Vinyet, 91, 1r 1a, 08190 Sant Cugat del Vallès, Katalunio, tel. +34 93 589 75 33, retadreso: h.alos@esperanto-ct.org
**István ERTL** (hungaro), 39, rue Robert Schuman
L-7382 Helmdange, Luksemburgio,
tel. (352)2633-2659, retadreso: ertl@tiscali.be
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso xabirico@euskalnet.net
**SENDOSERVO:**
**KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO**, poŝtkesto 1008,
E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: xx 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

### Kotizoj kaj kontoj:

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ “triamonda” lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  **DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF**
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  **IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: **SE9595000099604200743740**,
  **SWIFT NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certigi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

***Ursel Schnelle Moritz***, kasistino

•••••••

## NOVAĴO: eblas reklami en *Etnismo*!

Anonctarifo: (EUR): 1p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p. 15.Rabato por membroj de IKEL: 10 %.

**Venonta redaktolimdato:
15-a de septembro 2006**